XVIIIa jaro. No 260 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Al Helsinki

Kiam aperos tiu ĉi Numero gazeta, la delegitoj al la Ĝeneva konferenco jam estos preparantaj sian valizon aŭ almenaŭ la pasporton. Kvindeko da spertuloj diverslandaj kunsidos en aŭ kun la komisiono elektita en Praha por Esperanto en Lernejoj. Ili faros seriozan komisionan laboron kaj povos raporti al nia XIVa Universala Kongreso en Helsinki.

Efektive niaj grandaj festkunvenoj restas la ĉiujara renkontejo de la esperantista popolo. Por multaj samideanoj ili estas la kuraĝigilo kaj informilo entuziasme atendata. Por multaj ili estas la sankta okazo interfratiĝi kun ĉiunaciaj homfratoj. Por nia afero kaj speciale por ĝia progreso en la gastiganta lando ili estas admirinda granda propagandilo, vivanta pruvo al la publiko, interesigo al registaro kaj ĵurnalistoj.

Tial ni dediĉu nun niajn pensojn al plena sukcesigo de la XIVa Kongreso en Helsinki. Nia multnombreco respondu al deziroj de niaj finnlandaj amikoj. Kompreneble ni ne povas esperi tiel vastegan kunvenon kiel en Praha, kie partoprenis mil ducent Ĉeĥoj, ĝuste en la mezo de plej loĝata parto de Centra Eŭropo. La Kongreso en Helsinki estos multe pli avangarda. Ĝi okazos tute norde sur tero malpli dense loĝata. Sed ĝi okazos ankaŭ ĉe popolo progresema kaj demokrata, kie nia movado trovis junajn fortojn kaj modelan agantaron.

La Finnlanda Esperanto-Asocio estas admirinde organizata. Ĝi posedas bonan organon, jam tre simpatie legatan eksterlande. Ĝi posedas efikan centrejon, propagandan, instruan, lingvan. Ĝi fine posedas S-ron Setälä, kiu ligas fervoron de junulo al saĝeco de spertulo. Ni ĉiuj deziras konatiĝi ankaŭ kun niaj aliaj finnaj amikoj kaj ilin saluti en ilia hejmlando sur ilia propra laborkampo.

Jam per sia prudenta kaj metoda laborado niaj finnaj samideanoj donis al ni ion tre novan, ion ĝis nun ne ekzistintan en nia historio. Finnlando estas la sola lando, kie nacia Parlamento publike diskutis la problemon pri mondlingvo. Ne nur unufoje, sed dufoje; ne nur teorie, sed praktike; ne nur diskutis, sed eĉ konkludis per voĉdono kaj oficiala subteno al Esperanto. Kien iri por kongresi tiun ĉi jaron, se ne al tiu lando amika?

Ni do venu multaj kaj venu ĝoje por danki al Finnlando kaj por ĝin ekkoni. Jam per ilustraĵoj ni povis admiri la landon de mil lagoj feaj. La pejzaĝo estas sendube mirinda. Sed ankaŭ la popolo meritas amon. Dum centjaroj ĝi suferis. Martirojn ĝi havis. Paciencon kaj kuraĝon konstantan ĝi montris. Premite sub peza fremda potenco, ĝi tamen sukcesis atingi plej altajn ŝtupojn de civilizado.

En Finnlando virinoj staras egale kun viroj eĉ politike. Lerneja buĝeto superas militan. El drinkado la popolo mem sin savis. Edukaj societoj abundas. Kiam eksonis la horo de liberiĝo, tiam Finnlando modeste kaj trankvile reprenis sian lokon inter la plej laboremaj ŝtatoj de Eŭropo.

Ne nur sur la kampo de Esperanto, sed ankaŭ alie ni povos multe lerni de Finnlando. Ni do sendu nian aliĝon. Al Helsinki somere!

*Edmond Privat.*

**Nia proksima n-ro aperos kun 32 paĝoj kaj enhavos plenan raporton pri la Ĝeneva konferenco por Esperanto ĉe lernejo.**

 SOCIA VIVO 

# Evolucio kaj revolucio

de *Liang-ĉu-vaj.*

La kanajla popoltrompado de financaj profituloj kaj de iliaj kunhelpantoj, senkonsciencaj ĵurnalistoj aŭ ŝovinistaj diplomatoj tiel profunde indignas la honestajn homojn kaj homamantojn, ke multaj el ili perdas ĉiun paciencon kaj vidas neniun alian solvon ol ĉion renversi. Fajro kaj sango. Unue purigi la lokon. Poste rekonstrui.

Ĉu saĝe? Jen la demando. La mondmilito jam multon detruis kaj la rekonstruado ne montriĝas facila. Kiam urboj estas funde malorganizitaj, sen lumo, sen karbo, sen lakto, sen pano dum la revolucia tempo, la plej progresemaj novaj registaroj ne povas sukcese provi grandiozajn homajn entreprenojn.

Post pripensado aŭ ebla malgajiga sperto, sinceraj indignitoj preferas evolucion. Ankaŭ tio ne estas facila, ĉar la potenculoj de l'momento rezistas forte je la paca propagando de novaj ideoj. Tamen edukado ĉiam en la fino montriĝas pli forta ol la forto mem.

Eĉ la ĝendarmoj ne povas akceptigi novajn principojn al popolamaso, kiu ne komprenus ilin. Klarigo, pruvado, instruado estas antaŭ ĉio necesaj. Anstataŭ perdi multan tempon en akraj tendencaj aŭ politikaj bataloj, kial ekzemple la plej kleraj homamantoj ne sin donas al tuja praktika organizado de la nova de ili revata mondo?

Oni deziras eviti la skandalajn profitojn de privatuloj el vendado de necesaĵoj kaj kiom eble malkarigi la vivon. Do kial eĉ la plej elokventaj oratoroj tiusencaj ne pliforte kaj ageme subtenas kooperativajn vendejojn? Se ĉiuj laboristoj kaj iliaj familioj aĉetus siajn vivnecesaĵojn per memorganizitaj kooperativaj societoj, ili jam atingus grandiozan rezultaton.

En Kopenhago, kiel en multaj aliaj lokoj, loĝejoj fariĝis tro malmultaj. Kooperativa societo tiam formiĝis kaj konstruis mem domojn por siaj anoj. Ĝi tiel bone sukcesis, ke kelkmiloj da homoj nun loĝas komforte kaj malkare dank' al simpla kunagado.

La kooperativa principo kondukus la homaron jam tre malproksimen ŝprucigante nenies sangon. Ĝi povus disvastiĝi al ĉiuj kampoj de la homa laborado kondiĉe, ke oni ĝin pli ageme propagandu.

Same oni plendas pri ekspluatado de la publiko per grandaj kompanioj, transportaj, minejaj, industriaj. Proponata rimedo estas ŝtata akiro kaj gvidado de tiaj entreprenoj. Por tion sukcesigi, ankaŭ tre serioza popoledukado estus necesa kaj zorga preparado de taŭgaj estontaj oficistoj. Montriĝas, ne tute malprave, granda malfido al ŝtataj „entreprenoj".

Necese estus konservi tiajn servojn en la manoj de plej spertaj kondukantoj ekster ĉia politika influo. Ankaŭ ekster ĉia financa spekulemo. Tio estus pli facila se la bezonantaro, la spertularo kaj la laborantaro estus la efektivaj gvidantoj de la afero per ia lerta organizaĵo, dum nuntempe regas nur la monhavantoj. Se ekzistus leĝo, laŭ kiu ĉiuj akcioj devus porti la nomon de la posedanto kaj laŭ kiu ĉiu persono rajtus aĉeti nur unu akcion, tiam la demokrata organizo de la grandaj kompanioj tuj sentigus bonan rezultaton. Same ĉiuj laborantoj devus esti akciuloj mem.

Certe estas ke la mondo marŝas al ekstrema disvastiĝo de la demokrata sistemo, t. e. ĉies kontrolado en ĉiuj kampoj, ne nur en politikaj aferoj, sed ankaŭ en ekonomiaj. Nek unu jaro, nek unu bela programo sufiĉos por efektivigi tiun grandegan paŝon al plia egaleco inter homoj kaj al forigo de multaj maljustaĵoj.

 EDUKADO 

# Historio kaj Paco

La lasta mondmilito sufiĉe montris, al kio kondukas nacia instruado pri Historio en lernejoj laŭ pure partia kaj ofte ŝovinista vidpunkto. Tutaj generacioj de gejunuloj estis edukataj por pensi favore pri sia lando kaj malfavore pri ceteraj. Sur la du flankoj de unu rivero la infanoj lernis mondhistorion laŭ absolute kontraŭaj tezoj. La lernolibroj klarigis al ili la kaŭzojn de lastaj militoj aŭ la konkuradon de diversaj nacioj tute malsame de unu lando al alia.

Kial oni mirus poste pri la pasiaj atmosferoj kaj ŝovinistaj pensmanieroj, kiam eĉ pri faktoj la instruado fundamente diferencis? Se la Ligo de Nacioj volas iam realigi pacon internacian, ĝi devus ne nur zorgi por eviti militkaŭzojn sur la politika aŭ ekonomia kampo, sed ankaŭ sur la instrua. Ĝi devus interesiĝi je homara edukado en ĉiuj lernejoj de la mondo. Ĝi devus iom post iom enkonduki pere de la diversaj ŝtatoj instruadon de „paca katekismo".

La plej taŭga rimedo por tio estus, ne naiva kaj malserioza kantado pri paco, sed ekzemple ĝenerala uzado de tutmonda sama lernolibro pri Historio. Tiamaniere almenaŭ ĉiuj infanoj lernus la faktojn ekster ĉiu nacia partieco.

Kompreneble tia reformo ne venos post unu tago. Multaj demandoj prezentiĝos. Kiu verkos similan lernolibron? Ĉu neŭtralaj scienculoj povas garantii minimuman verecon? Multaj rezistoj montriĝos. Ne volonte la registaroj akceptos „fremdan" vidpunkton aŭ eĉ sugeston pri tio. Estos jam belega rezultato se oni sukcesos okazigi internacian instruadon pri mondhistorio flanke de la nacia pri enlanda Historio.

Ĉiuokaze la afero estas tiel grava, ke ĉiuj progresemaj geinstruistoj devas jam nun pripensi ĝin atente kaj prepari la ekbatalon. Sendube simile opinias la aŭtoro de la ĉi-suba noto, ĵus ricevita de la Redaktejo de „Esperanto".

* * *

Inter la multaj movadoj kiujn la dum- kaj postmilita tempo kreis en Anglujo, kaj supozeble ankaŭ en aliaj landoj, la movado por ŝanĝi la ĝisnunan edukadan sistemon en la lernejoj, estas la plej grava kaj notinda. Multaj komisionoj kaj komitatoj stariĝis, privataj aŭ oficialaj, kiuj estas tre aktivaj en diversaj partoj de la lando rilate al la edukada problemo. Ilia celo estas doni konsilojn al la Registaro pri necesaj ŝanĝoj.

Unu el la edukadaj temoj multe pridiskutitaj en tiuj rondoj estas la instruo de Historio en la lernejoj, speciale kiel moderna historio efikas sur la internaciaj rilatoj. Prof. Webster, Profesoro de Moderna Historio en la Liverpoola Universitato, antaŭ nelonge publikigis leteron en la ‚TIMES' pri la diskuto, en kiu li diras; —

> „ke la instruo de historio en ĉi-tiu lando (Anglujo) estis ĝis nun tro memcentrigita, ke vere internacia kooperado estas neebla ĝis la nacioj lernos kompreni unu la alian plibone, kaj tion oni povos efektivigi nur per kompleta ŝanĝo de metodo en la instruo de moderna historio." —

La Profesoro kontrolas en la Universitato la historian sciencan branĉon kaj estas responda por la edukado de histori-instruistoj por la popol-lernejoj. Li estas tre bone konata tra la lando, aparte pro siaj simpatioj al la Ligo de Nacioj kaj pro sia aktiva kunlaboro en la propaganda flanko

de la L. de N. Plibone ol iu alia persono li konas la bezonojn de la tempo.

Estas interese citi ankoraŭ aliajn liajn rimarkojn pri tiu temo en artikolo kiu aperas en grava Liverpoola ĵurnalo. Post liaj kritikoj pri la ĝisnunaj metodoj uzitaj en la lernejoj, li atentigas al la granda intereso por moderna historio, kiu montriĝas nuntempe inter ĉiuj lernantoj, kaj li daŭrigas;

„La unue esenca neceso estas, dediĉi sufiĉan tempon, en kiu la infanoj povus lerni sufiĉege pri la kunligo de sia lando al tiu de aliaj, kaj multe pri la vidpunkto de tiuj aliaj landoj." Li konstatas — „ke la infanoj en ĉi-tiu distrikto, kaj supozeble ankaŭ en aliaj, estas ege avidoplenaj por scio pri la historio kaj la institucioj de aliaj landoj, kaj ili mem bonvenigis kore la agadon de la Ligo de Nacioj. Ili montris tion per organizo de sukcesplena simila organizo de junuloj en siaj rondoj, kaj ili serĉas per tiu organizo havigi al si diversajn informojn pri temoj rilatantaj aliajn landojn kiujn ili konsideras gravaj por ilia estonteco."

Jen gravaĵo por nia movado kiun ni ne devas malatenti kiam la Internacia Konferenco pri Esperanto en lernejoj okazos en Genève. Estas nepre necese ke la delegitoj kiuj iros tien, havu kun si plenajn kaj detalajn informojn, pri la rezulto de akiro de tiu scio ĉe la junaj lernantoj kiuj studis Esperanton.

Multaj, preskaŭ ĉiuj el tiuj lernantoj, korespondadis per Esperanto kun eksterlandaj lernantoj, kaj certe havigis al si informojn kaj scion pri tiuj landoj, kion aliaj lernantoj ne posedas. La instruistoj do kolektu la korespondaĵojn, kaj zorge tralegu ilin por elĉerpi el ili la necesan materialon utiligotan por tiu celo. Oni povas esti certa, ke tia laboro valoros la penon kaj kondukos al plej utilaj rezultoj.

*J. D. A.*

# Kongreso pri Morala Edukado

La ĵus aluditan temon pri internaciema spirito kaj instruado de Historio pritraktos la tria Internacia kongreso pri morala Edukado, kunvenonta en Ĝenevo de la 28. Julio ĝis la 1. Aŭgusto venonta. Esperanto estos unu el la oficialaj uzeblaj lingvoj krom angla, franca, germana kaj itala. La organizantaro estas la estraro de la Instituto J. J. Rousseau kun Profesoroj Ad. Ferrière kiel prezidanto kaj Pierre Bovet kiel vic-prezidanto. La celo estas klopodi por morala edukado per kunlaborado de ĉiurasaj, ĉiunaciaj kaj ĉiukredaj homoj. La kongreso reprezentas neniun apartan opinion aŭ partion. Ĝi ebligas al ĉiuj esprimi kaj interŝanĝi spertojn kaj vidpunktojn rilatajn al la komuna celo.

La programo sin limigos al la jenaj du gravaj problemoj:

*1e Internaciema spirito kaj instruado de Historio.*

*2e Solidareco kaj edukado.*

Pri la unua oni diskutos kiel rilatigi nacian spiriton kun tutmonda frateca idealo, kiel instrui Historion laŭ vereco, k. t. p. Pri la dua oni diskutos kiel kutimigi la lernantojn je socia servado kaj homa interhelpo, ankaŭ kiel kontraŭbatali ĉe hejmo kaj lernejo la regadon de mono.

Por pliaj informoj sin turni al Instituto J. J. Rousseau, Taconnerie 5, Genève. Estus tre dezirinde ke interesataj esperantistoj partoprenu la kongreson, kies internacia komitato entenas virojn kiel Sir Frederick Pollock, Felix Adler, Apponyi, Léon Bourgeois, Ferdinand Buisson, Eucken, Foerster, Höffding, Orestano, k. t. p.

 INTERNACIA VIVO 

**La banko Bohemia,** ĉeĥoslovaka banko por ekstera komerco en Praha informas ke ĝi povas ĝiri letere aŭ telegrame kun Ruslando. La ĉi subaj kurzoj estas nuntempe uzataj: 1 ĉsl. Krono = 1000 rubloj, 1 angla pundo = 450.000r ubloj, 1 dolaro = 110.000 rublo.

**La rezultatoj de la Foiro de Lyon.** Depost kiam la organizintoj de la Foiro de Lyon kreis modernan metodan foiron, tiu Lyon'a entrepreno ne ĉesis kreski.

En 1916, ĝi kunigis 1350 aliĝintojn, kiuj okupis 760 budojn; la franca industrio, malgraŭ la tiama milito tuj pruvis sian fidon al la nova entrepreno. Ĉe la 1917a kunveno, kiu kunigis 2614 partoprenantojn, la negocado atingis 410 milionojn da francaj frankoj. Malgraŭ la malfacilaĵoj naskitaj de la milito, la Foiro de 1918 kunigis 3182 firmojn kaj la negocado atingis 750 milionojn. La Komitato de la Foiro, ne povante havigi budon al tiom da partoprenantoj kaj akcepti tian amason da vizitantoj, devis dividi tiun entreprenon en du kunvenojn: printempa kaj aŭtuna. En ambaŭ 1919a kunvenoj, 4684 firmoj partoprenis, kaj la negocado superis 1 miliardon (1000 milionoj da francaj frankoj).

De tiam malgraŭ la ekonomia krizo, kiu premas la tutan mondon, la Foiro de Lyon per siaj ambaŭ kunvenoj restas la rendevuejo de l'francaj kaj fremdaj produktistoj. Ĉirkaŭ 4.000 firmoj (2500 printempe kaj 1500 aŭtune) ĉiujare ĉe tiu vendejego organizas makleroficejon kaj akceptas sian klientaron. La nombro de l' vizitantoj ankaŭ estas regula kaj atingas 110.000 printempe kaj 80.000 aŭtune. Ili venas al Lyon el ĉiuj regionoj de Franclando kaj de Eŭropo, el kolonioj kaj el malproksimaj landoj. La Administrantaro de la Foiro, por esti kapabla loĝigi aliĝintojn kaj aĉetantojn kies nombro ĉiam kreskos, konstruas grandegan Palacon jam parte uzatan, kiun admiras ĉiuj vizitantoj, kaj vastan komfortan hotelegon baldaŭ finotan.

Tiel, la Foiro de Lyon ne renkontos malhelpaĵojn en sia kreskado, kaj ĝiaj organizintoj povas serene rigardi la estonton.

Antaŭ tia grava internacia organizaĵo, kiel la Foiro de Lyon, UEA ne rajtis resti indiferenta. La I. E. O. komisiis la Lyon'an Delegitaron por riprezenti nian Asocion, kaj sub la titolo „Esperanto-Oficejo de UEA ĉe la Foiro de Lyon", en oficiala budo senpage pruntedonita, S-ino Farges *ĉiujare depost 1917* organizis propagandan ekspozicion, kiu speciale montras la praktikajn servojn de UEA por turismo, komerco, k. c., per grafikoj, landkartoj, dokumentoj, katalogoj, reklamiloj, specimenoj, korespondajoj, libroj, gazetoj, k. a.; tiun ekspozicion vizitis miloj da personoj el plej diversaj kaj eĉ malproksimaj landoj, al kiuj oni klarigis niajn celojn kaj rimedojn, kaj disdonis propagandilojn. Jam de pluraj jaroj la Foiro de Lyon estas Entrepreno de UEA kaj uzas la servojn de la Lyon'a Delegitaro de UEA.

*Poncet.*

# Ĝeneva konferenco

**18—21 Aprilo 1922**

Ni ricevis ĝis 25 Marto la jenajn monhelpojn; al la afablaj sendintoj koran sinceran dankon:

S-ro Martin, Le Bouchaud (Francio, Allier) 5 fr. Frk.; S-ro Dro Moser, Ruegsau (Svisio) 10 Frk; S-ro Crowley, Welwyn 10 sh; S-ro Bayer, Châlon s. M. 5 fr. Frk; Esp. societo, Lyss (Svisio) 20 Frk; S-ro Thomas, Soissons, 10 fr. Frk; S-ro Hansen, Aalborg (Danio) 10 Frk; S-ro Megahy, Preston, 1 £; S-ino Sara Ullastres, Gualba 7,25 Frk; S-ro Romein, Drumpt a. Thiel 15 Frk; S-ro Gaudencio Vazquez, Nerva, 2 Frk; S-ro Aznar Cueva 7.50 Frk; Laborista Grupo en Wormerveer (Ned.) 5 hol. Fl.; S-ro Maraury, San Fernando 25 pesetoj; S-ro Ch. Tiard, Paris 20 fr. Frk; S-ro Gerrit van Heek, Hengelo 100 hol. flor; Grupo „Juneco" Santander, 8 Frk; S-ro R. Carter Brooklyn 1 £; S-ro Roy, Gaillac 50 fr. Frk; Svisa Esperanta Societo 100 Frk. Entute (kun la antaŭa listo) 671.08 svisaj Frankoj.

 GEOGRAFIO 

# Al la kratero de Idjen en Java

de *A. Knegt* (Java).

Duope ni faris la ekskurson, kun kvar Javanoj, kiuj portis manĝaĵojn kaj akvon, ĉar nenio estas havebla sur la vulkano, kaj homoj tie ne vivas. La monto estas kovrita per arbarego ĝis la pinto. En la arbaro loĝas nur sovaĝaj bestoj. Frumatene ni forlasis nian domon, kiu kuŝas je la bazo de la vulkano. Unue ni iris tra bambuaro, preskaŭ ne penetrebla, kaj ni devis trahaki al ni vojeton. Ne forgeseble bela vidaĵo tiuj bambuoj! Ili aspektas kiel arkoj en gotika preĝejo. Krepusko regas ĉirkaŭe, ĉar la sunradioj ne povas trapenetri la densan foliaron. Pli alten irante ni renkontis la unuajn arbojn, kiel la pioniroj de la arbaro, ne ankoraŭ difektitaj de la homoj. La arboj iĝis pli multaj kaj pli malmultaj la bambuoj. Fine tute malaperis la lastaj kaj ni troviĝis en la tropika arbaro, konsistanta nur el unu speco de arboj, iomete similaj al la Eŭropaj pinoj, laŭ la formo de la folioj. Tamen ili tute ne estas koniferoj. La temperaturo estis malvarma, malseka, ĉar nun ni jam atingis 1000 metrojn. En la arbaro ni renkontis ion, similan al vojeto, kaj ni pli rapide povis marŝi. Strange estas ke ni tute ne plu renkontis birdojn. Morta silento regas ĉi-tie. Post marŝado, kiu kelkfoje fariĝis rampado, ni atingis ebenaĵon, kie ni povis ripozi. En montofendego la enlandanoj montris al ni dubenigran akvon, kiu laŭ ili estas kuracopova. Ĉi tie ni ripozis kaj manĝis. Ni ne longe ripozis, ĉar la ĉielo kovriĝis per nigraj nuboj kaj komencis nin ĉirkaŭi malvarma nebulo. Baldaŭ ekpluvis kaj tondris. Rifuĝejo ne estis. Do ni devis antaŭeniri vole-nevole. Flanke de ni tondris, sube kaj supre tondris. Pli ol unu horon ni marŝis en tiu pluvego. Fine ĝi finiĝis kaj nun ni iris tra densaj nebuloj. Ni fine atingis bambuan kabanon, kie ni devis pasigi la nokton. Ni nun estis marŝantaj ĉirkaŭe dum ok horoj. La kabano staras je alteco de 2300 metroj. Ni ripozis iom kaj, ĉar la vetero nun ree estis bela, ni iris al la kraterrando, vera rampado nun sur cindro kaj lafo. Pli ol 200 metrojn ni devis tiel rampi. Fine ni atingis la deklivan randon de la kratero. Malsupre de ni profunde 250 metroj, kuŝis kraterlago. Ne forgesebla vidaĵo. La verde kolorigita lago kuŝas inter la muro, kaldronoforma, diverskolora. Dekstre de ni sulfurfontoj elpuŝas sufokantajn gasojn. Sulfurodoro ĉie. Ni malsupreniris en la krateron, vere danĝera rampado, ĉar la muroj estis preskaŭ vertikalaj. De ŝtono al ŝtono ni rampis. La sola apogilo estis ŝnuro farita el kano. Sed sendifektaj ni alvenis apud la lagon. Reveninte sur la kraterrando noktiĝis. Fariĝis pli kaj pli malvarme, kaj ni estis devigitaj retrovi nian kabanon. La Javanoj jam faris grandan fajron, sur kiu ni kuiris kafon kaj varmigis nian rizon. Tiun nokton la termometro montris 12° C. Dormi ni ne povis pro la malvarmeco kaj pro la sulfurgasoj. Sidante apud la fajro ni dormetis, vekiĝis, dormetis denove. Je la tagiĝo ni supreniris pinton apud la kratero, el kiu ni havis belegan vidon al la prahistoria kratero de Idjen.

* * *

Ĝi estas unu el la plej grandaj krateroj en la mondo. La laŭlarĝa tranĉo estas ĉirkaŭe 17 kilometroj. En la nordo ekzistas ankoraŭ la kraterremparo, tranĉita de unu fandego, tra kiu elfluas la akvo de la kraterlago de la vulkano Merapi. En la sudo estas serio da vulkanoj. Starante sur la remparo, oni malsuprenvidas pli ol 500 metrojn super la arbaro, kiu kreskas en la kratero. Oni trovas dekon da pli junaj vulkanoj sur la fundo de la kratero. Kelkaj havas tre regulan formon de pudingo. El la vulkanoj en la sudo nur laboras la Raŭen kaj la Merapi. La aliaj estas nur vulkanruinoj. La plej rimarkinda estas la Merapi (= ruĝa fajro), kies formo estas kvinpinta. Unu pinto havas laborantan krateron, kvar estas mortaj vulkanoj. Ĉi tiu kratero estas ĉuone plenigita de akvo acida. La kraterlago estas ovoforma, longa 900, larĝa 750 metrojn. La akvo estas verda, tute senmova, kun flavaj makuloj de drivanta sulfuro. La deklivaj muroj, tute senkreskaj, estas belege kolorigitaj blanke, ruĝe, verde, grize. Apud la sulfurfontoj la rokoj estas formanĝataj de la gasoj, pulvorigantaj eĉ la basalton. La akvo de la kratero eniras tra profunda fendego kiel belega akvofalo la Idjen-krateron. Verde kolorigita estas la akvofalo!

En la sud-oriento oni vidas la gigantan konuson de la vulkano Raven, kies kratero estas larĝa 1700 metrojn. La vulkano enhavas verdajn kreskaĵojn krom la pinto, kiu estas tute senkreska, griza pri cindro. En 1912 la vulkano, post longa ripozo, denove eljetis fumon kaj cindron. Nun ĝi dormetas. La kratero de Merapi estas ankaŭ rimarkinda pro aliaj kaŭzoj. La sulfurfontoj eljetantaj gasojn kaj fluidan sulfuron, brulas interne per ruĝaj flamoj. La akvo de la kraterlago estas varma. En 1914 oni trovis temperaturon de 42° C. Oni taksas la profundon de la lago je pli ol 200 metroj. Sur la fundo de la kratero devas esti varmega fonto de preskaŭ koncentrigita salacido, varma pli ol 90° C. Eble de tiu fonto venas la varmeco de la tuta lago. Tiu fonto estas preskaŭ en la mezo de la lago. Tie la fundo ne estas tre dika, ĉar la pasintan jaron post tertremo — dum kiu ankaŭ sur la insulo Bali, oriente de Java, okazis katastrofo, ĉar vulkano kunfalegis kaj la ŝtonegoj kovris kelkajn vilaĝojn — en la mezo de la lago la fundo fendiĝis, la akvo estis suprenŝprucigita kiel fontano, kaj oni vidis kolonon de akvo altan je tridek kvardek metroj kaj kun la akvo ankaŭ ekforkuris fumo. Oni tiam timis, ke okazos eksplodo, ĉar la akvo penetris la fundon de la kratero kaj pro la formado de vaporo sub la fundo estis eble, ke ĝi tiel defektiĝus kaj estis suprenblovita, kaj tiam superakvigus la tutan landparton per acidaj fluegoj, ĉion detruantaj. Feliĉe iom post iom la akvo trankviliĝis kaj nun denove regas silento en la kratero.

# ❀ NOTOJ ❀

**Esperanto ĉe natursciencistoj.** La naturscienca „Société Linnéenne de Lyon" *) kalkulas pli ol 500 membroj en plej diversaj landoj de l' tuta mondo, kaj baldaŭ festos sian centjaran jubileon. Ĝi akceptas uzi Esperanton por faciligi la interŝanĝojn kaj la korespondadon. Ĝi sendas al ĉiuj siaj membroj duonmonatan bultenon (en kiu petoj kaj proponoj pri interŝanĝoj de natursciencaĵoj povas esti senpage presataj en Esperanto) kaj jaran volumon, kiu enhavas plej interesajn studojn pri floroj, fungoj, insektoj, papilioj, konkoj, mineraloj, k. a. Kotizoj (10 fr. fr.) kaj informpetoj estu adresataj al S-ino Farges, Del. UEA, 36 rue Victor Hugo, Lyon.

**Gazetaraj servoj esperantistaj.** En Budapest sub titolo „gazeta sciigantaro de Hungara Esperanta Servo" organiziĝis kelkaj membroj de grupo ERA, kiuj la lastajn interesajn ĝeneralajn kaj pri-esperantajn sciigojn ricevitajn per la esp. gazetoj kaj per privataj esp-istoj, multobligas kaj transdonas al la ĵurnaloj nacilingvaj. Ĉiusemajne io aperas el tiuj pri aŭ peresperantaj sciigoj, kiuj faras konstantan bonan propagandon. Ekzemple aperis la sciigoj pri la Labor-Oficejo, Brazilia Ekspozicio, Floraj Ludoj, Afiŝ-ekspozicio en Tokio, Poŝta unuiĝo Esperantista, ktp. — Tiaj sciigoj pruvas la disvastiĝon kaj praktikan uzeblecon de Esp. antaŭ la granda publiko kaj seriozigas la movadon antaŭ la gazetaro kaj per la gazetoj!

Similaj servoj eklaboris jam aliloke, ekzemple la Amerika Esp. Servo Korporacio en New York (500 Fifth Avenue).

Ni proponas:

1. la fondon de similaj servoj en ĉiuj grandaj urboj. (La laboro, se estas sindonaj samideanoj, estas facila, klarigon ni volonte donas!)
2. la reciprokan interrilaton de tiuj servoj per interŝanĝo de sciigoj.
3. la alvokon al ĉiuj gravaj entreprenoj, kongresoj, ktp., disvastigi siajn sciigojn per tiuj servoj — (repagante la elspezojn!)
4. ĉiu esperantisto sendu al la adresoj de la servoj per pkarto ĉiujn interesajn novaĵojn. Hungara Esperanto Servo, Budapest Hajos utca 15. II.

*) Linné: fama sveda natursciencisto de la 18-a jarcento, aŭtoro de botanika klasifiko.

# LITERATURO

## La Sunkuŝiĝo en la montoj

de **Clarence Bicknell**

*Tre malproksime de bruantaj homaferoj,*
*De batalad', malpacoj kaj la mondmizeroj,*
*De morto kaj mortigo, pekoj kaj suferoj,*
*La neĝaj montopintoj alte staras.*
*La valojn ili vidas en nebul' kaŝitajn,*
*La kampojn per larmeroj kaj per ŝvit' banitajn,*
*La urbojn de malsano kaj dolor' venkitajn,*
*Kaj ĉion kio mortas aŭ eraras.*

*Fiere lumas ili sub la sunradio*
*Blankege kiel la pureco de lilio,*
*La samaj ĉiam, al la mond' sen simpatio,*
*Kaj neŝanĝeblaj je eterne restas;*
*Nenio tiun neĝpurecon makuligas;*
*Ventego, fumo, polv' ne ilin malpurigas;*
*Nur kiam la krepusko niajn hejmojn ligas*
*La neĝ' per brila rozkolor' sin vestas.*

## Post longa silento

Versaĵoj de **Georgo Deŝkin**

Al V. D.

I.

*Ho, kiel mi longe silentis*
*Kaj koron fermadis por kanto!*
*Sed jen mi hodiaŭ eksentis*
*Inspiron, al mi revenantan.*
*Ĉu estos nur „kanto de cigno"*
*Ĉi-tiu inspiro subita? —*
*Ne. Daŭros sub ĝia helsigno*
*Novjaro, kun Vi rekontita!*

II.

*Tagoj nemultaj pasis ankoraŭ*
*Post nia unua renkonto,*
*Sed jam fariĝis por mia Vi koro*
*Pli kara, ol ĉio en mondo!*

*Forto ensorĉa nin ligis fortike —*
*Min al ĝi donas mi, laca...*
*Gardas Vi min, kiel bona amiko,*
*Kontraŭ malĝojo minaca...*

*Estis mi nur malfeliĉa kaj sola,*
*Nun ree ĝuas mi gajon!*
*Per kia miraklo, fratino bonvola,*
*En vintro renaskis Vi Majon?*

III.

*Aĥ, tro palaj estas ĉiuj homaj vortoj*
*Por esprimi sentojn, plenigantajn min!*
*Malfermitan koron mi al Vi alportos —*
*Penu ĝin kompreni, bona amikin'!*
*Nur por Vi nun estas ĉiuj ĝiaj batoj,*
*Nur por Vi nun estas tuta mia viv'!...*
*Tiel dolorige, tiel senkompate*
*Min dum lastaj jaroj premis efektiv',*
*Kaj mi jam ne kredis, mi jam ne esperis,*
*Ke finiĝos iam tiu-ĉi premad',*
*Sed per man' fratina, simple kaj sincere,*
*Vi sanigis koron de malgaja frat'!*

Moskvo, Januaro 1922.

## El „Jost Seyfried"[1])

de *Cäsar Flaischlen*[2])

„Jost Seyfried" estas, kion diras ĝia subtitolo, „romano en leter- kaj taglibro-folioj. El la vivo de ĉiu". En sia antaŭnoto la verkinto konigas ĝian enhavon: „Tiu ĉi libro volas akompani sur lia vivovojo homon, kiu ekiris por iĝi poeto, kaj volas iom da tempo iri kun li tra lia batalo kontraŭ si kaj la ekstera mondo por plenumo al sia vivokredo, kaj tra liaj ŝanĝiĝoj inter liaj trideka kaj kvardeka jaroj, tempo tiom kriza por ĉiu kreanto." Evidente Cäsar Flaischlen mem estas tiu poeto, kiu en siaj leteroj kaj taglibro montras sian internan evoluon. Da eksteraj romanecaj travivaĵoj la libro enhavas preskaŭ neniom des pli multe da valoraj opinioj pri arto kaj poeteco, mondo kaj homoj kaj da ĉarmaj lirikaĵoj en poezio kaj prozo.

Cäsar Flaischlen, naskita 1864 en Stuttgart[3]), vivas nun en Berlin. Post nesukcesintaj dramo-provoj kaj ŝvaba-dialektaj poemoj li publikigis en 1898 kaj 1899 la librojn „Pri ĉiutago kaj suno" kaj „Lern- kaj migro-jaroj de l' vivo" tre ŝatatajn en Germanio kaj 1905 sian ĉefverkon „Jost Seyfried". Moraleco, klareco kaj serena saĝeco distingas lin precipe. Atentinda estas lia karakteriza stilo, kiu provas esprimi la subitecon, koncizecon kaj simplecon de ekpensoj. Lian propran manieron de alineado kaj interpunkciado (la multajn . . . kaj ! ! !) la tradukto konservis, car ĝi estas intencita artrimedo.

„Sentencoj de ŝtonfrapisto, Ventegrompaĵo, Kantoj de glavoforĝisto, Korsango kaj Malfermu la pordegon!" estas la nomoj de la kvin partoj de „Jost Seyfried."

### El Korsango

Tiu ne estas mia amiko, al kiu la suno ne estas kara...
La sunon devas ami, kiu volas esti mia amiko...
la sunon kaj la maron
kaj la arbaron ĉe la bordo
kaj la herbejojn
kaj la nubojn, kiuj iras super ili...
en kvieto kaj ventego!

Sed ne nur tiel, kiel oni kutime diras, ke oni volonte havas ion
Ĝi devas esti por vi, kio la libereco por la birdo...
ĝi devas aparteni al via vivo,
ĝi devas iĝi peco de vi mem...
peco de via animo,
kiun vi havas
ankaŭ meze en novembrofrostoj
meze inter muroj,
meze en la ĉiutaga rapidado kaj penado!
La sunon devas ami, kiu volas esti mia amiko!

— — — — — — — — — — — — —

Estas malprudente kiel infanoj voli konservi ĉion plejbonan ĝislaste!
Oni havas de la vivo nur, kion oni prenas de ĝi!

— — — — — — — — — — — — —

(Filozofio) — — Iam venos tempo, en kiu oni trovos la vojon trans la mizeron kaj trans la suferon, kiun ni trenadas kun ni...

iam venos tempo, en kiu oni apenaŭ komprenos, kial ni ĉagreniĝis pri aferoj tiel malmulte penindaj...

tempo en kiu oni ridetos pri ĉiuj tiuj bataloj, en kiuj ni perdas nian sangon, ridetos, kiel ni mem ridetis pri doloroj, kiuj iam plorigis nin kiel infanojn...

iam venos tempo, en kiu la homo forlasos la tumulton kaj ŝarĝon de siaj urboj kaj la polvon de ĝiaj gazetoj kaj libroj kaj fine resercos sin mem —

tempo, kia eble estis iam antaŭ multega tempo...

Sed: sur altaĵo, ne en valo!

Ho mi eksaltu kaj tra la sonorado de l'sonoriloj ekstere mi malsuprenvoku malproksimen:

Vi poeto ekstaru kaj estu unua frua anoncanto de tiu tempo, zonu vian veston kaj migru tra la landoj.

Kaj donu al la homoj sinfidon, ekzistoĝojon kaj printempan kuraĝon!

Ne laciĝu ĉiam denove dirante al ili: reiru, vi estas sur vojo malĝusta!

Ĉiuj tiuj senvaloraĵoj, kiujn vi prezentas kiel plej altajon, estas senvaloraj...

ekzistas ankoraŭ io alia ol la eksteraĵoj, al kiuj vi kroĉiĝas!

Prononcu: [1]) jost zajfrid, [2]) cezar flajŝlen, [3]) ŝtutgart.

Anstataŭ liberuloj, vi faras vin sklavoj
kaj disrompas,
kion vi volis batalakiri
kaj pli kaj pli ŝtopas viajn fontojn!

Ne laciĝu dirante al ili, kiel malgranda efektive estas ilia sufero kaj kiel belega kaj majesta la mondo, kiun ili havas, kaj kiel mirakla kaj ĝuriĉa ilia vivo...

se ne ĉiam ili mem misformus ĝin je mizero kaj zorgo kaj labortago!

Vi poeto ekstaru
kaj instruu al la homoj transvidi trans sia hodiaŭo kaj donu kredon al ili kaj faru iliajn animojn vastaj kaj liberaj!

instruu al ili esti fidelaj al la suno kaj konscii, ke ĝi ekzistas ankaŭ, kiam nuboj ĝin kovras!

Kaj instruu al ili ree ridi kiel ili ridis iam kiel infanoj...
sed sur altajo, ne en valo!

— — — — — — —

(Jarfine) — — Ni ne estu malĝojaj: ĉar ree pasis jaro, kaj ne plendu kiel malsaĝaj infanoj: ke ĝi ne plenumis kaj realigis, kion ĝi promesis. La jaro promesas nenion. La jaro estas nenio. Ni estas la jaro kaj ni devas plenumi, kion ni deziras!

Kaj ni havu paciencon kaj restu batalantoj kaj ne trompu nin mem: ke ne havas ekzistrajton, kio kontraŭstaras niajn dezirojn!

ni ne estu blindaj!

Ni estas du el milionoj kaj milionaroj kaj devas klopodi por ĝuste iri kaj tratrovi.

Ni devas preni la vivon, kia ĝi estas, kiom ajn doloras, kaj ne nur, kia ni ĝin deziras. Ni konsideru ĝiajn postulojn kaj trivialaĵojn, kiom ni povas, sed tiel, ke tio ne ŝtopu la fontojn, el kiuj ni ĉerpas. Alie ni tute ne plu tratrovas!

Ni hardu kaj malmoligu nin per tio, ĝis kiam ni tiom hardiĝis kaj malmoliĝis, ke *ni* estas tiuj, kiuj ordonas!

Sed kiel ni ne lasas ĝin ŝtopi la fontojn, tiel ĝi ankaŭ ne forigu de ni la celon, al kiu ni migras,

kaj nia kredo al tio staru je la ĉielo kiel tiu stelo, kiu gvidis la tri saĝulojn el la oriento.

Ni diru tute klare kaj trankvile:

Ĉu mono? certe!... ĝi estas la antaŭkondiĉo por ĉio en la mondo, kia ĝi fariĝis!

sed:

sole mono efikas nenion kaj estas malpli ol nenio!

Ekzistas ankoraŭ aliaĵoj. Ekzistas ankoraŭ pli altaĵoj! Ekzistas aĵoj, kiuj faras la vivon trioble pli riĉa kaj valora, ol ĉiom da mono de l'tero kapablas!

Ĝojemo en l'animo kaj konfido kaj espero en la koro estas pli libera altaĵo kaj por la daŭro eble pli venka potenco.

Kaj kiam kelkfoje atakas nin
je kiom ni jam rezignis... ni ne agordu nin malserenaj per tio!
ni ekfortiĝu:
Ĉu ni rezignis?

Ne, ni ne jam rezignis je io, ni volas havi ankoraŭ iam ĉiom, kiom da amo, feliĉo kaj brilo kaj belego ni revas!

ni nur atendis, ne rezignis!

ni nur atendis, ĉar ni volas havi ĝin pli senskoria, plura, libera, ĝojiga, fieriga,

sur altaĵo, ne en valo!

Arto estu, kio la vivo povas ne esti! Ĝi faru bona, kion la homoj pekas kontraŭ si!

Ĝi tenu nian koron hela kaj helpu nin kiel venkanto tra la batalo kontraŭ ĉio, kio estas ligonta kaj neliberigonta nin!

Kontraŭ ĉio, kio ne lasas nin esti, kiu kaj kio kaj kiaj ni estas kaj volas esti!

Arto, kiu ne povas tion, *ne estas* arto!

Ĝi estu por ni armilo kontraŭ la ĉiutago kaj celo kaj plenumo super kaj trans ĝi!

— — — — — — — — — — — — — —

La sola devo estas: ne laciĝi kaj ne lamiĝi!

Kaj esti tiel libera kaj forta kaj fiera kaj tiel fortika por subigi sin laŭeble kaj sufiĉi al tio, kio devas esti!

Kaj reŝovi, kion ni revas... ĝis la tempo, kiu maturigas ĝin!

Ni devas povi fari al ni kaj al nia sopiro, kion oni faras al floroj, kiujn oni de sur la fenestrobreto prenas en la ĉambron kaj metas en la malhelon, kiam la vintro venas...

Kio formortas, certe ne povus vivi!

Kaj eĉ se, kiam printempiĝas, nur tute malmultaj branĉetoj reĝermas...

Forta koro havas jam delonge mil novajn ankoraŭ pli belajn revojn!...

Tradukis *W. Lippmann.*

---

## ANEKDOTO

### Gaja leciono pri Dante al vilaĝanoj

Dum sia libertempo, instruisto kiu tre interesiĝis pri la vivo kaj edukado de la vilaĝanoj troviĝis, kun sia familio, en pentrinda vilaĝeto sur belaj italaj Prealpoj, por ripozi sian lacigitan cerbon. Sed la soleno de la sescenta datreveno (1321—1921) de la mortotago de l'Dia Poeto lin influis tiel forte, ke li ne povis sin trankviligi je la penso festi Dante per taŭga parolado al loka vilaĝanaro.

La aranĝo komencis la 13an de septembro vespere: kiam ĉiuj loĝantoj dormis, la instruisto gaje alkroĉis sur la muro grandan portreton de Dante, desegnaĵon de Doré, en ruĝkolora kostumo, kun profundaj okuloj, kronita per tre verda laŭro, sur nigra papero. La sekvantan matenon iu mire observas ĝin; sed urĝaj laboroj malpermesas lian restadon; kaj tiam la jenaj demandoj komencas senĉese: — Kiu li estas? Kiu li povas esti?

Eliras el la domoj ankaŭ virinoj, ankaŭ geknaboj. Uleto ektimiĝas, kaŝas sian kapeton kaj krietas.

Oni aŭdas: —Tiu ĉi estas portreto de moraño!

— Ŝajnas esti virino!

— Ne, estas sanktulo.

Tromemfidulo solene certigas: estas Lenin, vere Lenin; facile oni povas tion kompreni!

Ĉiuj atente observas senĉese la bildon, sed neniu legas la subskribon (legi lacigas, estas senutila klopodo, estas plibone, pli rapide, pli ĝuste diveni, imagi); sed, fine, junulo ekparolas: — Dante! — Unuope ĉiuj foriras balancigante la kapon. La knaboj nur, pli ol ĉiuj, solenas bonhumore la novaĵon, kaj vokas najbarajn amikojn por vidi Dante „revenintan el Infero".

Estas vespermanĝo; la viroj, senĵakaj, eliras el pordoj, proksimiĝas al la bildo, manpremante tranĉaĵon da polento, kaj sidiĝas, kiel kutime sur arbotrunkojn apud la portiko. Iu demandas ion pri tiu homo, kiu ŝajnas esti virino kaj la bonema instruisto tuj respondas sprite, trankvile, detale. Ekalvenas iom post iom junuloj, maljunuloj; kaj ankaŭ mastrinoj sin montras sur hejmpordoj kaj aŭskultas atente: la knaboj grupe jam estas antaŭ la bildo kaj saltas por atingi la dantan skarlatveston. Ĉiuj jam komprenis la aferon kaj la polento malvarmiĝas inter la kalaj manoj; sed la instruisto daŭrigas priskribante la vivon kaj kutimojn de tiu tre malproksima tempo, kaj parolante pri „Beatrice kaj la Dia Komedio" en kiu Dante potence ĉion esprimis, perfekte ĉion kantis.

La ĉeestantaro mirigita staras aŭskultante, kvankam la bonema instruisto finis sian simplan kaj belan paroladon: ĉiuj unuafoje aŭskultadis fervore, animvibrante literaturan lecionon pri itala geniulo, ĉar la vivo, la verkoj, la pensoj de la nesuperebla poeto ilin kortuŝis. Kaj, forirante, la bonaj gevilaĝanoj diris ĝentilvoĉe:

— Dante estis kiel sanktulo!

— Ŝajnas al mi reveni el mesa prediko!

— Se mia naskiĝonta infano estus filino, mi ŝin nomus Beatrice.

*I. Piatti.*

---

# TRA LA LIBRARO

**Esperanto, la gramatiko de D-ro Zamenhof kun komentaro,** de Prof. *P. Christaller,* 80 paĝoj (prezo nemontrita), kartone bindita, Verlag von Wilhelm Violet, Stuttgart 1921.

Niaj germanaj amikoj volonte sin turnas al studado de nia gramatiko. S-ro W. Lippmann jus analizis la lingvajn respondojn de D-ro Zamenhof. S-ro Christaller prezentas kaj komentas la dek ses regulojn helpante sin ankaŭ per la Lingvaj respondoj kaj per granda sperto pri esp. stilo. Ja tie kuŝas la speciala intereso de la gramatiko Christaller. Ĝi restas ne nur fidele proksima al la Fundamento, sed ankaŭ al la praktika uzado. Ĝi konstante instruas kiel Zamenhof kaj bonaj aŭtoroj uzas la lingvon kaj ankaŭ ĝi kritikas la formojn de malbonaj aŭtoroj. Ĝi montras, kiel skribi kaj kiel ne skribi.

Kompreneble la libro celas aparte germanojn kaj ofte aludas je evitindaj „germanismoj", sed ĝi estas tiel klare kaj alloge aranĝita, ke ankaŭ negermanoj ĝin profitas kaj eĉ legas kun vera plezuro, de la komenco ĝis la fino. Sur ĉiu maldekstra paĝo kuŝas la germana teksto, sur ĉiu dekstra la sama en esperanto. Tamen ofte la ekzemploj estas diferencaj, aŭ pliaj. La tuta libro dividiĝas en 176 mallongaj trafaj paragrafoj.

Se iu volas havi precizan kaj simplan ideon pri la uzata Esperanto, la gramatiko Christaller donas al li la plej instruan respondon en mallonga spaco. Nur iufoje la aŭtoro lasas vidi siajn personajn preferojn, ekzemple kiam li citas la ĝis nun ne oftan uzadon de ti-kiuj anstataŭ tiuj, kiuj, sed ĝenerale lia tuta komentaro estas tre vivoplena klarigo kaj pravigo de la tradiciaj fundamentaj formoj kaj averto kontraŭ eraraj deflankiĝoj. La verko de S-ro Christaller estas valorplena libro. *Edm. P.*

**Rakontoj el la Biblio,** laŭ la traduko de *D-ro L. L. Zamenhof.* 1921. Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1. 80 paĝoj, $10^1/_2 \times 16^1/_2$ cm. Prezo: 1 ŝ 4 p. (7 respondkuponoj).

Jenaj eltiraĵoj el Malnova Testamento jam aperis en British Esperantist kaj estas nun eldonataj en aparta klare presita volumeto. Niaj samideanoj scias, ke feliĉe nia majstro povis traduki la tutan Malnovan Testamenton, kaj ke liaj manuskriptoj estas en mano de fakula komitato komisiita zorge revidi tiun gravan verkon antaŭ ĝia presigo. Longedaŭra estas la necesa laboro por atingi plej eblan perfektecon. Do, atendante, kaj krom la Bibliaj tradukoj de Zamenhof antaŭe presitaj en la Revuo kaj haveblaj en apartaj volumoj, ni nun plie disponas eltiraĵojn el la aliaj libroj. Tiuj tekstoj estas: el la Libro de Josuo, La falo de Jeriĥo; el tiu de l'Juĝistoj, la rakontoj pri Ŝimŝon; el tiu de Samuel, rakontoj pri Samuel, Saul, David kaj Goljat, David kaj Bat-Ŝeba, Abŝalom; el tiu de Reĝoj, la historio pri profeto Elia, kaj fine la du malampleksaj libroj de Rut kaj de Jona.

La intereso kaj valoro de l'Zamenhofa Biblia traduko estas tiel konataj, ke nova laŭdo ne necesas. Multaj deziros posedi tiun novan parton el lia verkaro, tiun elekton de plej interesaj ĉapitroj en bona kaj malkara eldono, kaj leginte ĝin, poste ankaŭ volos posedi la tutan Biblion, kiam ĝi povos aperi. *G. S.*

**Tri Angloj alilande.** Romano originale verkita en Esperanto. *John Merchant.* 1922. Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, W.C.1. Londono. 64 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo 1 ŝ. 1 p. (15 respondkuponoj).

Duan eldonon atingas la bonhumora rakonto de S-ro Merchant. Ĝi estas dusence originala; unue ĉar ne tradukita, due ĉar la aventuroj de l'tri herooj estas vere malordinaraj; ĝi estas ankaŭ dusence Esperanta; unue pro la lingvo de l'verko, due ĉar en ĝi Esperanto ludas gravan rolon por oftfoje savi la simpatiajn Anglojn, kiam nekompreno de fremdaj lingvoj minacas ilin per ĉiuspecaj danĝeroj.

Kiu ne ridus legante la ruzojn per kiuj vidvino Snap klopodas delogi sian ĉambroluanton, kiam Robinson devas priparoli francan literaturon nesciante la lingvon kaj ĝiajn ĉefverkojn, kiam li estas arestita pro ŝajna kulpo, fine kiam la tri vojaĝantoj nevole rendevuas samloke kaj samhore kun siaj tri amatinoj? Sed tian sinsekvon da ridigaj okazaĵoj kaj la ironiajn rimarkojn de l'aŭtoro oni ne resumas; ilin oni legu por mem sperti senpretendan anglan humoron kaj ĝui simplan fluantan bonan stilon. *G. S.*

**La malbonaj flankoj de sporto** kiel anstataŭaĵo de fizika laboro rilate higienon. *D-ro Juhan Vilms.* Kun permeso de l'aŭtoro tradukis el Estona lingvo *J. Vahtkerl.* Tallin, Estonio. 24 paĝoj, $14^1/_2 \times 20^1/_2$ cm. Prezo ne montrita.

La aŭtoro liveras sian personan opinion pri sportoj, kiel kuracisto kaj kiel antaŭa sportisto. Li ĉefe komparas ilin kun la fizika laboro kutima por niaj antaŭuloj kaj ankoraŭ uzata de manlaboristoj aŭ de kampuloj, kaj li konkludas per konstato de nepra malsupereco de sportoj rilate al tiuj laboroj kiujn ili celas anstataŭi.

Dum fizika laboro estas tre diversa, ne laciĝas la spiriton, estas sendanĝere daŭra, kaj pro konkreteco de l'verko havas bonmoralan influon, la sportoj male tro streĉas vol- kaj atent apablon, ne estas spiritripozo, malbone influas al kororgano, estas propre sencelaj, liveras multajn okazojn por akcidentoj kaj ĉefe, por la konkursa manio, fariĝas ofte malbonefika pasiego.

Tiu scienca traktaĵo estas interesa kaj atentinda; diskutinda ankaŭ ĉar nia hodiaŭa junularo ne facile konsentos kun ĝiaj asertoj; la tradukinto petas, ke oni ne severe juĝu la lingvon de neliteratura teksto. Efektive leganto devos indulgi nombrajn erarojn: jam „anstantaŭ" malbeligas la titolpaĝon; „ke" estas uzata en senco de „por" aŭ „ĉar"; „plic" por „pli", „si" por „mi", „tio kio" por „tiu kiu", kaj ofte haltigas la legadon frazoj iom komplikaj kaj ne tuj kompreneblaj. *G. S.*

**La Mizeruloj.** Unua rakonto el la kolekto: Tra mizero de la vivo. *Stevan S. Živanović.* Propra eldono. Zagreb 1922. Presejo A. Kolesar-a Naslj., Bjelovar. 37 paĝoj, $11^1/_2 \times 15$ cm. Prezo: Svisl. f. 0,50; Francio f. 1,—; Italio L. 1,—; Usono d. 0,10 (5 respondkuponoj).

Sub novela formo la aŭtoro konigas siajn ideojn pri la maljustaĵoj de nia moderna mondo, pri la malbonaj efikoj de juĝistaro, de mono, de lernejoj, pri la rimedoj progresigi la homaron, inter kiuj tutmonda komprenilo ludos rolon. La rakonto estas originala kaj enhavas belajn sentojn, poeziajn priskribojn, pruvigajn argumentojn.

Malfeliĉe, laŭ korekteco, la libreto estas tute malbona. Multege da preseraroj, manko de interpunkcio, neĝustaj aŭ miskomprenitaj esprimoj, stranga vortordo, gramatikaj eraroj diversspecaj malbeligas la tekston, malklarigas la sencon. La antaŭparolo jene komenciĝas: „Iomete tro frue eliras ĉi tiu libreto". La aŭtoro konscias sian nesufiĉan konon de E-peranto. Kial do li ne iomete ankoraŭ atendis por vesti la kreajon de sia cerbo per pli inda robo ol tiu tute makulita kaj truplena? *G. S.*

**La Eksperimento de Eccles.** Kun notoj pri la instrumetodo de *Elizabeth Hogg.* Kolekto de B. E. A. N-o 1. 1921. Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, W. C. 1. Londono. 24 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 10 p. (4 respondkuponoj).

En tre interesa antaŭparolo, S-ro W. M. Page resumas la provon pri instruado de Esperanto en la unugradaj lernejoj de Eccles kaj ties mirindaj rezultatoj. Poste, unu el la instruintinoj donas la metodon de ŝi uzitan por tiu instruado. Estas taŭgaj konsiloj, skemo de dekdu lecionoj konsistantaj el vortoj, rilataj ekzemploj kaj reguloj, diktaĵo de anekdoto aŭ konversacio, ludo aŭ kanto kaj tasko por hejmlaboro. Tre utilajn informojn ĉerpos el tiu broŝuro ĉiuj geinstruistoj, kiuj iam provos instrui Esperanton al geknaboj. *G. S.*

**Unua Kursa Legolibro.** Kompilita de *W. M. Page.* F. B. E. A. Kolekto de B. E. A. N-o. 2. 1921. Brita Esperanto Asocio, 17 Hart Street, W. C. 1. Londono. 24 paĝoj, 12 × 10 cm. Prezo: 10 p. (4 respondkuponoj).

Saman celon kiel la antaŭa broŝuro havas la jena, plifaciligi por geinstruistoj instruon de Esperanto al junaj lernantoj. La

anekdotoj kolektitaj estas eltiritaj el la esperantaj jurnaloj kaj aranĝitaj laŭ grado de malfacileco. La tekstaro estas riĉa, tre varia, tre gaja, vere povas instrui amuzante. Ankaŭ dum kursoj por plenaĝuloj ĝi estos uzebla; pedantoj eĉ trovos, ke kelkaj el la anekdotoj pli taŭgus pro sia enhavo por tiuj lastaj ol por infanoj. La stilo estas bona simpla, la preso senerara, kiel decas por lernolibro; (vorto „dejuriĝi estas por mi ne komprenebla). Feliĉaj geknaboj, kiuj lernos tiel facilan lingvon per tia humorplena legolibreto! *G. S.*

**Esperanto-Finna Frazlibreto.** Pikku esperanto-suomalainen tulkki. *H. Salokannel.* Vaasa 1922. Presejo de Ilkka. 16 paĝoj, 9×14 cm. Prezo: Fmk. 0,50 (d. 0,02; sv. fr. 0,10).

Post klarigoj pri la Esperanta prononcado, la broŝureto donas kolekton da frazoj oftaj en konversacio kaj ilian tradukon en Finna lingvo. Utila libreto por partoprenontoj al la proksima kongreso. La aŭtoro proponas ĝin al Finnoj kaj al eksterlandanoj interesiĝantaj pri la Finna lingvo. Laŭ la aranĝo ĝi pli bone plenumos la unuan celon ol la duan. Ĉapelitaj literoj estas anstataŭataj per apostrofitaj. „Legenda parkere“ ŝajnas malfacile plenumebla tasko. *G. S.*

## TRA LA GAZETARO

**Litova Stelo** (Adr: J. Maĉernis, Ukmerg pl. 45, Kaunas) nova gazeto kun celo konigi eksterlande Litovion (Litaŭen, Lithuanie) aperis en Januaro. Jen kelkaj litovaj karakterizaj popolaj enigmoj kiujn ĝi citas:

Kion la poto ne povas enteni? (la vaporon). Sur kies dentoj kreskas la haroj? (sur kombilaj dentoj). Kio havas flugilojn sed ne flugas? (muelilo). Kio estas pli bela ol oro, pli malgranda ol oro? (fajrero).

**Export Esperantist** (E. M. Pope, Room 401, 102 N. Wells St. Chicago, Ill.) Kvarpaĝa folieto komerca. La eldonisto ŝajne ne sciis ke jam ekzistas bonega komerca revuo en Esperanto „Internacia Komerca Revuo“ en Zürich.

**Esperanto Trionfunta.** — Sub tiu titolo aperis „Karnavala“ ŝercnumero de E. T. Ni opinias ke tiu amuza n-ro estis tre ŝatita en Germanio, sed nekomprenata en aliaj landoj same kiel la balaj anglaj alivestiĝoj dum kongresoj estas nekomprenataj en multaj regionoj.

La karnavala n-ro havis tre seriozajn kaj pravajn kritikojn sub ŝerca vestado. Ni citu ekzemple la anoncon por piloloj de S-roj Dibŭa, Pejĝ & Cimrman kontraŭ kripligo de nacilingvaj nomoj per Esperanta ortografio, kontraŭ la gazetfonda febro kaj ĉia alia fondofebro, kaj eĉ kontraŭ la eldonado de karnavalaj n-roj!

**Bulletin de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto.** Tiu bulteno kun Esperanta aldono anstataŭas „Franca Esperantisto“ kiu ne plu aperas. Ĝi enhavas tre interesajn artikolojn kaj propagandajn konsilojn.

**Libero.** — Hektografita revuo de la studenta grupo en la 3ª Nacia kolegio, Kioto montras la grandan entuziasmon de la japanaj lernantoj. Ĝi ne estas abonebla.

**Ruĝa Esperantisto** (9, Mironosickaja, Nijni-Novgorod, Rus.) 8-paĝa gazeto enhavas precipe literaturajn tradukojn el la rusa lingvo kaj informojn pri la movado.

* * *

**La ĉeĥoslovaka gazetaro.** Laŭ la katalogo de la bibliografia instituto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko ekzistas 1671 gazetoj el kiuj 1000 sin okupas pri politiko kaj nacia ekonomio, pli ol 200 belliteraturo, muziko kaj ĉiuj artoj, 200 pri industrio kaj teknologio, 90 pri medicino kaj sportoj, 90 pri pedagogio kaj 149 pri religio kaj spiritismo (la spiritista movado estas tre granda en Ĉeĥoslovakio kaj sumas je pli ol 300.000 anoj).

## ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

*Aprila raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Ŝajnas efektive, ke la fina venko de Esperanto nun alproksimiĝas, ĉar la lernejoj malfermas al ni siajn pordojn. Ni tion dankas al nia lingva unueco kaj al tio, ke ni silentigis niajn personajn preferojn kaj ne senbezone „plibonigis“ la Zamenhofan kreitaĵon.

*Al niaj poetoj.* Esperanto estas tiel belsona kaj fleksebla, niaj koroj estas tiom plenaj je entuziasmo, ke ĉiam kreskadas multaj poeziaj floroj en nia edeno, nia paradiza ĝardeno. Sed ni ripetas: kulturu unue vian prozon kaj nur poste verku versaĵojn. Aŭ faru tion nur por via privata plezuro, ne postulu tujan presadon. Tamen ni ĉiam gojas, se gazeto sin ornamas ankaŭ per „floro“. En Esperantujo oni treege ŝatas poeziaĵojn kun regula ritmo kaj kun rimoj. Oni zorgeme atentu ĉiam akcenton kaj malakcenton, oni kalkulu la silabojn. La poetoj pripensu, ke nur la substantivoj povas ricevi apostrofon, neniam ili tion forgesu. Tre zorgeme ili ekzamenu la rimojn, malofte ili uzu la sufiksojn, ili evitu malpurajn rimojn kiel anto x lando, aj x oj ktp.

Spertaj Esperantistoj prave ankaŭ uzas malfacilajn formojn ekz. la sonetan. Ni rekomendas al ili la ĉie konatan severan formon: 4 strofoj, 14 linioj je 10 aŭ 11 silaboj, regula rimaranĝo.

*Al demandintoj.* La libro: „For la batalilojn“ ne estas elvendita, ĉi tiu sciigo estas eraro. Ader und Borel (Dresden, Struvestr. 40) havas ankoraŭ grandan provizon. La libro estas treege valora, ne nur kiel literatura ĉefverko, sed precipe laŭ sia enhavo, kiel disvastigilo de la pacifista ideo.

*Pri „da“ aŭ „de“.* „Aro da zorge elektitaj fruktarboj“ estas ĝusta. Ni ne forgesu, ke en la fundamenta ekzercaro troviĝas la frazo: „Kvar metroj da tiu ĉi ŝtofo kostas kvar markojn.“ Pri la uzado de la du vortetoj *de* kaj *da* ni ne estu pedantaj, nia lingvo ĉiam restu facila. Severaj, eĉ pedantaj ni nur estu pro la fideleco al nia fundamento, ĉar nur per lingva unueco nia alta idealo venkos. *Pri „de“ kaj „el“, se oni nur parolas pri du personoj aŭ objektoj.* Ni ne perdu nian tempon per diskutado de ĉiel uzata formo. Ni modeste uzu la lingvon tiel, kiel ĝi estis en la komenco. Eĉ malgranda sistema kaj vola ŝanĝo malfermas la pordon al pli granda deflankiĝo. En la malnova lernolibro de Borel (Sesa leciono) troviĝas la frazo: El la du fratoj Paŭlo estas la pli granda.“

S-ro Leo Funken tradukis laŭ Theodor Storm: „La malgranda Haevelmann“, li intencas traduki ceterajn rakontojn de la sama aŭtoro. Ĉu iu samideano ŝatos traduki germane el itala lingvo: „Gesu da Nazareth“ di Antonio Paptore? Nia kolego Cosmo Ricca esperantigis la libron, la itala teksto estas konservata de Esp. Lit. As.

En „Holanda Esperantisto“. (N. 5 kaj 6 1922 aperis fabelo originale verkita de nia kolegino F. Simmank: „La tragedia historio de tiu ĉi Malgrandulo“ kune kun la fama barelkarto de J. W. Sevenhuijsen. Ni rekomendas tujan mendon de la du n-roj, la rakonto estos tre taŭga kaj amuza instruilo.

La firmo Hirt und Sohn, Leipzig, Salomonstr. 15, eldonis Esperanto-katalogon. Ĝi anoncas sian provizon da bonaj esperanto-verkoj. Specimena paĝo kun bildo montras la karakteron de unu el la libroj. Ni aĉetu kaj ĝoju!

Por kompletigi la komunikon pri la rusa Sekcio de E. L. A. ni donas la jenajn detalaĵojn. La sekcio fondiĝis 1919 uzante precize nian regularon pri reciproka helpo kaj fideleco al la fundamento, tial ĝia nomo estas tute rajtigita.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

☛ **Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj. Pruvu ke estas almenaŭ ses mil. U. E. A. bezonas 6000 membrojn!**

# ESPERANTISMO

## XIV. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI (Finnlando), 8—16 aŭgusto 1922.

**(Lasthore ni ekscias ke la dato de la XIVa Kongreso estas ŝanĝita pro nova ŝiphoraro. Ĝi okazos la 8 — 16 de aŭgusto.)**

*Kvina komuniko.*

**Ekskursoj en Finnlando.**

**Antaŭ la kongreso.** Pro naturaj kaŭzoj estas multe pli rekomendinde fari rondvojaĝon en Finnlando antaŭ la kongreso ol post ĝi. Tiam la norda nokto estas ankoraŭ pli luma kaj la vetero ĝenerale pli konstante bela. Ĉar la plej multaj kongresanoj tamen alvenos ĝuste por la komenco de la kongreso, estas al ni malfacile plani komunan rondvojaĝon por unu-du semajnoj antaŭ la kongreso. Se tamen la kongresanoj, kiuj povas alveni pli frue bonvolas studi la sekvontajn planojn kaj frue informi nin pri sia intenco alveni pli frue por fari rondvojaĝon, ni penos helpi al ili laŭ nia povo. — Multaj kongresanoj alvenos antaŭvideble vendrede antaŭ la kongreso. Al ili estos aranĝata komuna ekskurso al *Tampere* kun la ĉirkaŭantaj lagregionoj. Ĉi tiu vojaĝo donas sufiĉe karakterizajn vidaĵojn el la Finnlanda pejzaĝo, daŭras nur ĉ. du diurnojn (tagnoktojn) kaj la vojaĝkostoj estas en II. kl. 130 mk kaj en III. kl. 90 mk.

**Dum la kongreso.** Unutaga ekskurso estas, pro la mallonga tempo, aranĝebla nur por la kongresanoj, kiuj volas rezigni je aliaj punktoj de la programo. Kiel tia estas rekomendata vojaĝo al Borgo, iro ŝipe, reveno vagonare, aŭ inverse. Kosto II.44 mk, III.37 mk.

**Post la kongreso.** La plej vidindaj lokoj en Finnlando estas Imatra, la plej granda akvofalo en Eŭropo, Punkaharju, belega mallarĝa insulo, Koli, monto kun vastaj, imponaj panoramoj, la insularo Valamo en Ladogo, la akvofaloj traveturebla en Oulujoki. Sekvanta plano celas doni al la ekskursantoj eblecojn laŭ ĉies tempo disponebla viziti deziratan elekton el ili aŭ eĉ preskaŭ ĉiujn. La informotaj prezoj enhavas fervojan kaj ŝipan bileton de Helsinki ĝis Helsinki. Se la ekskursantoj reveturas al Turku—Abo por daŭrigi al Stokholmo, la kosto estas maksimume 60 mk en II. kaj 40 mk en III. klaso pli. — Por manĝo kaj loĝado oni devas alkalkuli 50 ĝis 100 markojn por ĉiu diurno. — En la prezinformoj ni uzas la mallongigojn: II = dua klaso en vagonaroj kaj unua klaso en ŝipoj; III = tria klaso en vagonaroj kaj dua klaso en ŝipoj. — Litvagonoj, bezonotaj sur kelkaj linioj, ĝenerale troviĝas por ĉiuj klasoj. Dua klaso en ŝipo signifas liton en salono, restadrajton sur ĉiuj ferdekoj. Unua klaso = lito en kajuto (2—4 litoj). — La horoj estas substrekitaj de la $6.^{30}$ vespere ĝis $5.^{30}$ matene.*)

**Komuna elveturo** el Helsinki sabaton la 12-an vespere je $9.^{22}$ al Viborgo ($6._{15}$ matene). Vizito de la urbo, veturo al Imatra. La rapidemuloj reveturas laŭ la lago Saimaa al Lappeenranta kaj de tie vagonare al Helsinki; alveno marde $9.^{15}$. II. 210 mk, III. 141 mk. — La aliaj veturas per ŝipo tra Saimaa al Savonlinna (15 h. dum nokto), ekskursas al Punkaharju. Reveninte de tie al Savonlinna, dua grupo da rapidemuloj povas reiri al Helsinki aŭ vagonare (ĵaŭde $6._{50}$; II. 290 mk. III. 196 mk) aŭ per ŝipo al Lappeenranta (bela vojaĝo) kaj de tie vagonare al Helsinki (ĵaŭde $9._{15}$; II. 314 mk. III. 221 mk). En Savonlinna la vojaĝantoj dividiĝas en du ĉefajn karavanojn. La unua veturas per ŝipo al Kuopio (bela vojaĝo de 18 horoj), daŭrigas vagonare al Kajaani, ŝipe al Vaala, per glitboato laŭ la akvofaloj de Oulujoki ĝis Oulu. De tie vagonare al Helsinki (post 8 diurna vojaĝo, dimanĉon la 29:an de aŭgusto je $11._{00}$ (II. 623 mk, III. 456 mk) aŭ Turku (saman tagon $11._{15}$ (3—5 mk pli). La vojaĝo estas facile plilongigebla per 34 horoj tra Jyväskylä—lago Päijänne — Lathi — Helsinki (lunde $9.^{15}$; II. 654 mk, III. 493 mk); tiu plilongigo estas rekomendinda por variigi la cetere enuigan fervojan vojaĝon Oulu—Helsinki (24 h.). — La dua karavano veturos el Savonlinna al Joensuu kaj Koli (ŝipe 18 horoj da bela lagaro, poste fervoje). Reveno fervoje al Helsinki, 24 horoj (sabaton la 19-an je $6._{53}$; II. 487 mk; III. 354 mk; la ŝipoj al Hull kaj Stettin eliras saman tagon). Tre rekomendinda estas tamen devojiĝo el Sortavala (7 h. fervoje de Koli) al Valamo. Al Helsinki lundon $9.^{10}$ (II. 537 mk, III. 384 mk). — La personoj, kiuj volas resti du semajnojn post la kongreso en rondvojaĝo prefere reveturos de Koli al Joensuu kaj de tie (ŝipe) al Savonlinna, kie ili daŭrigos al Kajaani — Oulu, — Jyväskylä — Lahti — Helsinki, la vojon de la unua karavano. Reveno al Helsinki plej frue ĵaŭdon la 24-an vespere (II. 850 mk, III. 666 mk).

*) Ni miras ke la L. K. K. ne uzas la 24 horan sistemon nun ĝenerale uzatan de la esperantistoj pro ĝia klareco kaj oportuneco. La ĉi subaj datoj estos sendube ankaŭ ŝanĝataj. Red.

**Reveturo el Finnlando.** Reveturo al Stettin, Hull kaj Kopenhago ĉiusabate, al Stockholm el Helsinki dimanĉe kaj merkrede matene, el Turku-Abo marde, ĵaŭde kaj sabate vespere. — La reveturaj prezoj al Germanio estas la samaj kiel la alveturaj (I. Fmk 720; II. Fmk 640).

**Stokholm—Abo:** alveturo I. Kr 80, II. Kr 64, III. Kr 48; reveturo I. Fmk 240, II. Fmk 192, III. Fmk 120. *Stockholm—Helsinki;* alveturo I. Kr 88, II. Kr 72, III. Kr 48; reveturo I. Fmk 264, II. Fmk 208, III. Fmk 120.

**Kopenhagen:** alveturo I. Kr 160, II. Kr 120, III. Kr 72; reveturo I. Fmk 720, II. Fmk 600, III. Fmk 280. *Hull:* alveturo I. £ 14:8/—, II. £ 11:12/—, III. £ 6:14/—; reveturo I. Fmk 1200, Fmk 960, III. Fmk 480. Ĉiuj prezoj kun manĝo kaj lito (rigardu la 2an komunikon pli detale). La kongresanoj atentu, ke la reveturaj prezoj, pagotaj en Finnlandaj markoj estas multe pli malkaraj ol la alveturaj. (Ekz. Helsinki-Hull kostas en I kl. £ 5.10/— laŭ hodiaŭa kurzo).

**Vojaĝo tra Baltiko.** Ŝajnas al ni, ke la vojaĝo krom el la Baltikaj ŝtatoj ankaŭ el Pollando kaj sudorienta Eŭropo fariĝas plej malkara trans Tallinn. Ni ricevis el vojaĝoficejo la informon, ke la distanco Varsovio—Riga kostas en II. klaso ĉ. 400 Germ. mk. III. kl ĉ. 2?0 Gmk. Inter Riga—Tallinn estas verŝajne vendataj nur biletoj al II. kl litvagono, prezo informita ĉ. 1680 Estonaj mk. Bileto en ŝipo Tallinn—Helsinki kostas I. 200 Fmk, II. 150 Fmk; je ĉi tiuj lastaj prezoj ni penos havigi al la kongresanoj rabaton de 20—50% (la rezultato dependos de la nombro de alvenontoj.) Laŭ la hodiaŭa kurzo la vojaĝo Varsovio—Helsinki tiel kostus II. Fmk. 480, III. Fmk 405 (aŭ eble malpli), sed atentu bone, sen manĝo. Estas ĉiuokaze tre eble, ke la traveturotaj ŝtatoj profitigos la diferencon al si en formo de vizkostoj, se niaj samideanoj latvaj kaj estonaj ne sukcesos havigi al kongresanoj apartajn favorojn.

**Fakaj kunsidoj.** *Pacifistoj:* La Finnlanda Pacifista Ligo invitas ĉiulandajn pacifistojn al faka kunsido. Sin turni al s-ro A. Selinheimo. Konstantininkatu 25, Helsinki.

**Aliĝo.** La LKK konsideris la aferon koncerne karavanojn kun ne-esperantistaj partoprenantoj kaj faris la jenajn decidojn por kontentigi ĉies dezirojn:

a) kiel kongresanoj estas enskribataj nur esperantistoj;

b) la ne-esperantistaj karavananoj aliĝu kiel *helpkongresanoj* por ricevi la permeson uzi la rabatojn donotajn al la kongresanoj, por partopreni en la festaranĝoj, viziti muzeojn ktp. laŭ samaj kondiĉoj kiel la kongresanoj.

**Aliĝoj.** — Aliĝis ĝis nun 195 kongresanoj el 19 landoj, plie 6 helpkongresanoj.

**Financoj.** — La LKK ricevis por la garantia kapitalo 13.400 Fmk, garantiojn por la blindula kaso: 396,68 Fmk, kiel donacoj: 6.291,61 Fmk.

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV. kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

# ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ

## Antaŭkongreso en Lübeck

*Interesa propono*

Rigardo sur la mapo de Eŭropo montras ke por la kongresanoj el okcidenta kaj mezeŭropo la plej oportuna vojo al Finnlando kondukas tra Lübeck. Tial la samideanoj de la malnova Hanseurbo invitas la kongresanojn interrompi sian vojaĝon kaj ĉeesti antaŭkongreson antaŭ la enŝipiĝo.

La kongreso okazos la 1—3 aŭgusto kaj konsistos el kunveno, vizitado de la urbo, ekskurso en la ĉirkaŭaĵoj, dancado. Ĵaŭde 3ª matene okazos la forveturo vaporŝipe al Helsinki.

La Lübecka Esperanta Societo (prez. Dro A. Möbusz) havas plian tre interesan proponon: la vaporŝipo transportonta la kongresanojn estus luata dum la tuta daŭro de la vojaĝo ire kaj revene kaj fariĝus en Helsinki la hotelo de la partoprenontoj. Se minimume 300 kongresanoj partoprenus tiun aranĝon oni povus kalkuli proksimume 3000 ĝis 4000 germ. markojn da elspezoj por ĉiu persono. Tiu prezo enhavus la marvojaĝon Lübeck-Helsinki kaj reveno, la loĝadon sur la ŝipo dum la restado en Helsinki, kaj manĝojn dum la tuta daŭro de la karavano t. e. forirante de Lübeck ĝis realbordiĝo al Lübeck. Tiu prezo ne povas esti nun precize kalkulata pro la ekonomiaj cirkonstancoj kaj la manko de precizaj informoj pri la nombro de partoprenantoj. Ju pli da vojaĝantoj partoprenos des pli malkara estos la prezo.

La personoj dezirantaj aliĝi al la antaŭkongreso bonvolu sendi sian kotizaĵon per bankbiletoj aŭ ĉeko en sia nacia valoro al S-ro Heinrich Selmer, Falkenwiese 11, Lübeck, laŭ jena tabelo: Germ. 30 M; aŭstr. 100 Kr.; Belg. 12 fr.; Brit. 6 ŝ.; Bulg. 42 l.; Ĉeĥ. 30 Kĉ.; Franc. 12 fr.; Hisp. 7 p.; Hung. 100 Kr.; Jug. 60 Kr.; It. 17 L.; Ned. 3,50 f.; Rum. 37 l.; Svis. 6 fr.; Usono-Kanado 1,50 d. Estos enskribitaj nur la samideanoj kiuj aldonos samtempe sian kotizaĵon.

## Postkongresoj

Oni informas pri postkongresoj okazontaj en Stockholm kaj København. Detaloj sekvos en alia n-ro.

# KRONIKO.

### Aŭstrio.

La movado eniris en la interesan tramistan mondon. El kurso de printempo 1921 eliris kvar fervoraj propagandistoj-tramistoj S-roj Wessely, Högler, Lorbeer kaj Schramm kiuj kun helpo de S-ro R. M. Frey aranĝis paroladon kaj kurson al 40 tramistoj.

La ĉefkomitato de ĉiuj Vienaj tramistoj (17.000) tre interesiĝas pri la movado kaj invitis la tramistojn al du kursoj gvidataj de S-ro R. M. Frey dediĉataj al estontaj instruantoj inter tramistoj. Pli ol 130 personoj enskribiĝis. Aliaj distriktaj kursoj estas gvidataj de S-roj Pauler kaj Braun. Tiu movado estas tre laŭdinda precipe tial ke la Vienaj esperantistoj intencas inviti la XVIan kongreson internacian.

### Ĉeĥoslovakio.

Ĉsl. Asocio Esperantista publikigas alvokon al siaj membroj helpi al malsatantaj rusaj esperantistoj. La Kluboj de Praha kaj Kladno jam sendigis nutraĵojn per Ruĝa Kruco en Ĝenevo por 2.000 Kĉ — La esperantan standon de gazeto Nova Eŭropo en la Foiro de Praha vizitis multaj samideanoj. — La Naŭan regionan kunvenon de orientbohemaj esp-istoj okazintan la 5 Marto en Česká Třebová ĉeestis sam-oj el 12 lokoj. — Pola socialista partio aranĝas oficialajn kursojn de E. dufoje semajne en Karviná, Orlová, Stonava, Gorna-Suchá kaj Trzyniec.

### Estonio.

En Tarto lernas Esperanton: 100 universitataj lernantoj (gvidas P-ro Väisälä) 167 personoj en tri publikaj kursoj, 35 lernantoj en gimnazio (gvidas S-ro Einer) 26 oficistoj kaj metiistoj (gvidas S-ro Laarmann). La konata estona verkisto Fr. Tuglas permesis la tradukon de siaj verkoj en Esperanto.

### Francio.

La »Ligne Maritime et Coloniale Française« kiu enhavas pli ol 300.000 membrojn akceptis jenan deziresprimon aprobitan poste de la komitato de la Ligo:

La Franca Mara kaj Kolonia Ligo konsiderante, ke la uzo de komuna lingvo por internaciaj rilatoj faros al maristoj tre grandajn servojn, ke, aparte, la uzo de ĉi tiu lingvo per la hidrografiaj fakoj de ĉiuj maraj nacioj, por la redakcio de dokumentoj, kiujn ili publikigas, malgrandigus grave ilian laboron kaj iliajn elspezojn, ke la internacia helpa lingvo Esperanto, per sia facileco, precizeco kaj kapableco esprimi teknikajn terminojn, plenumas perfekte la kondiĉojn, kiujn oni devas postuli de internacia mara lingvo, elmetas la voĉdeziron:

1. Ke la studo de Esperanto estu favorata kaj plikuraĝigata de la Mara Ministro kaj de la ŝtata Sub-Sekretariejo de la komerca marino, en ĉiuj lernejoj, dependantaj de ĝia aŭtoritato;

2. Ke la Hidrografia Fako estu invitata proponi rimedojn ebligantajn enkonduki la uzadon de Esperanto en ĝiaj rilatoj kun similaj fakoj eksterlande kaj en la redaktado de dokumentoj kiujn ĝi publikigas;

3. Ke la kompanioj de navigado invitu kaj plikuraĝigu siajn oficistojn navigantajn fariĝi kapablaj uzi Esperanton, precipe sur la ŝipoj kiuj transportas fremdajn pasaĝerojn.

La franca ĉefministro malpermesis ke tiu deziresprimo estu plenumata en la oficialaj administrejoj.

### Germanio.

La Saksa Esperanta Instituto fariĝis „Esperanta Instituto por la Germana Respubliko" laŭ decido de la Ministerio por Internaj Aferoj.

### Hispanio.

Oni restarigis en Sevilla la Andaluzian Federacion. P: S-ro Francisco Serrano (Cordoba) S: Rogelio Luque (Cordoba). Ĉiuj grupoj kotizas por lote sendi delegiton al la XIVª kongreso. Kursoj kaj paroladoj en Barcelona kaj San Fernando.

### Italio.

D-ro Filipetti faris sukcesan paroladon en la Popola Universitato de Legnago. Nia laborema samideanino Domenica Pomarici komencis kurson.

En Milano la movado bonege progresas. La urbestraro decidis subvencii la Italan Federacion per 1000 liroj. Instruado de Esperanto komencis en la 5aj kaj 6aj klasoj de la popolaj lernejoj. 125 personoj partoprenas kurson gvidatan de S-ro Pietro Rota. La specimena foiro decidis uzi Esperanton kaj baldaŭ dissendos broŝurojn esperante verkitajn.

### Jugoslavio.

La grupo de Zagreb (Kroatio) dediĉis vesperon al la 300ª jarfesto de la naskiĝo de Molière. Oni prezentis la 1an akton el Georges Dandin.

### Nederlando.

S-ro Jac. Lem, prez. de „L'Oriento" Amsterdam sendis al ni jenan interesan komunikon:

„Antaŭ ne longe la ĉefestraro de la Nederlandaj Poŝto kaj Telegrafo komunikis, ke al la oficistoj, kiuj scias „Esperanton", estas permesate pendigi super iliajn giĉetojn la anoncon „Oni parolas Esperanton". Kuraĝigita de tiu sukceso la Amsterdama Esperantista Societo „L'Oriento" sin turnis al la Direkcio de la Nederlandaj Fervojoj kun la peto, ke ankaŭ al la fervojoficistoj estu permesate meti tian surskribaĵon super iliajn giĉetojn. Tre ĝojaj ni ricevis respondon, kiu enhavas la promeson, ke se oficistoj, parolantaj Esperanton, tion deziras kaj petos permeson al la Direkcio, tiu ĉi favore decidos pri la peto.

Nun la parolo estos al la fervojoficistoj-Esperantistoj; unue por uzi la okazon utiligi Esperanton kun la vojaĝanta publiko,

due por instigi, ĉe la neesperantistaj kolegoj ke ili kiel eble plej baldaŭ lernu nian facilan kaj praktikan helplingvon."

En la jarkunveno de akciuloj de la Societo Anonima „Centra Esperanto-Librejo" en Hago, okazinta la 25an de Februaro sub prezidanteco de S-ro D-ro H. C. Mees, la bilanco kaj la profita kaj malprofita konto pri 1921 estis aprobitaj. La dividendo estis fiksita je 6%.

Anstataŭ S-ro P. J. Vermaas el Rotterdam, la ĉeestintoj elektis S-ron J. Ravestein el Hago kiel komisarion.

S-ro F. b. Koens, Bankastraat 2a Hago anstataŭas S-ron J. L. Bruijn kiel Direktoron de la „Centra-Esperanto-Librejo".

## Pollando.

La esperanta movado inter ukrajnoj vigliĝis dank' al Prof. O. Kuzjma en Kolomea. Lia jus aperinta lernolibro por ukrajnoj estas jam preskaŭ disvendita. Parolado okazis en Stanislavov (300 p.). Kurso por gimnaziaj profesoroj komencis en Kolomea.

## Rumanio.

Favora artikolo aperis en »Universal« Bucuresti.

## Ruslando.

La plibonigo de la poŝtaj rilatoj havigis al ni multajn informojn pri starigo de kursoj aŭ grupoj tra la tuta lando. La „Moskva Librejo Esperanto", „Moskva Instituto de Esperanto", gazeto „Ondo de Esperanto" kiuj ne plu funkciis depost 1918 rekomencas sian agadon sub direktoreco de S-ro A. A. Saĥarov, responda administranto. Adreso: Poŝtkesto 1138, Moskva. Ĉiuj korespondantoj de la entreprenoj estas invitataj renovigi la antaŭajn rilatojn kaj interkonsenti pri saldo de iliaj kontoj. S-ro A. A. Saĥarov tradukis rusen la esperanto-francan parton de la vortaro E. Boirac. La tradukon de specialaj terminoj de la vortaro partoprenis profesoroj de Moskva Universitato: M. Soljenkin (botaniko), S. Kojevnikov (Zoologio), A. Uspenskij (Kemio), P. Karuzin (anatomio), S. Obruĉev (geologio kaj mineralogio). La vortaro estos baldaŭ presata.

## Svedlando.

La sveda esperantista federacio havos sian jarkunvenon la 14—17 aprilo en Malmö. S-ro J. Petersson propagandas en la kristana federacio de junuloj en Malmö.

## Svislando.

S-ino A. Mexin fondis infanan grupon en Montreux. Instruas F-ino Virg. Frey. La grupo de Genève havis la plezuron akcepti S-ron W. Mann, antaŭan redaktoron de „British Esperantist" kiu rakontis intere ajn epizodojn de sia esperantista vivo. D-ro Privat paroladis al kvindek oficistoj de Internacia Laboroficejo sub prezido de S-ro Albert Thomas. S-ro Bouvier faras kurson al skoltoj kaj F-ino Bouvier al kelkaj oficistoj de la Ligo de Nacioj.

## Ameriko.

La XVa Nord-Amerika Kongreso okazos somere en Toronto (Kanado). La Ministro de Poŝtoj kaj Telegrafoj en Brazilo ordonis, ke estu sendata al D-ro Conto Fernandes, prez. de Brazila Ligo Esperantista, listo de la oficistoj sciantaj, lernantaj aŭ simple simpatiaj al Esperanto. La Komitato de la Nacia Ekspozicio decidis aperigi specialan numeron de E. T. ekskluzive dediĉitan al la Brazila sendependeco. La Ligo de l'komerco en Rio de Janeiro decidis rekomendi insiste la instruon de Esperanto en la lernejoj kaj institutoj komercaj. Fondiĝis en Philadelphia (Usono) grupo por propagandi Esperanton inter hebreoj.

## Azio.

Kurso sub la aŭspicioj de la „Bahai Assembly" komencis en Bombay.

Laŭ la japana gazeto „Asahi" petskribo pri la enkonduko de Esperanto en lernejoj estis sendita al la deputatejo. Ĝi enhavas la subskribojn de famaj personoj kiuj ĉeestis la kunvenon de la S. d. N., interalie de S-roj Adatci, sendito de Japanio en Bruxelles, Janagida, kaj Sataké, membro kaj vicprezidanto de Fakoj en la S. d. N.

Fondiĝis Unuiĝo de Esperantistoj en Nederlandaj Indioj. Adreso: A. Knegt, sekretario, Banjoewangi, Java.

# REGIONAJ KUNVENOJ

**Kongreso de Francaj Esperantistoj** estas organizata de la grupo de Béziers (Hérault). Ĝi okazos la 3—5 junio. La programo estas tre alloga. Ni citu nur jenajn partojn: Reprezento de *Duon-Surda, Geedziĝopeto,* ambaŭ teatraĵetoj de F-ino J. Flourens (Roksano). En la arenoj estos ludata *Phèdre* de aktoroj el la fama teatro „Comédie Française". Estos ankaŭ paradmarŝado kun torĉoj, festeno kaj ekskurso al Valras. La S. F. p. E. havos laboran kunvenon kaj S-ro Th. Cart faros publikan paroladon. Tiu tre riĉa programo inda je internacia kongreso espereble altiros ankaŭ eksterlandajn samideanojn. Oni petu aliĝilon de F-ino J. Flourens, 111, avenue Clémenceau, Béziers.

**La XIa Belga kongreso** okazos en St. Nikolaas (Waes) la 4—5 Junio. La programo ne ankoraŭ estas kunmetita. La komitato eldonis glumarkojn kaj poŝtkartojn riceveblajn de la kongresa oficejo: Regencieplaats 3. St. Nikolaas (Waes).

**La unua Tutpola Esperanto-kongreso** okazos la 6—8 Majo en Warszawa. Ni ne posedas informojn pri ĝia programo. Adreso: Dr. Paulina Muszkatblat Krochmalna 15, Warszawa.

**La 13a Brita Kongreso** okazos Pentekoste en London. La kotizaĵo estas fiksita je 5 ŝilingoj. Se ĝi estas pagita antaŭ la 15a de Aprilo, bileto por la balo en la „Queen's Hall" estos sendata senpage. D-ro Edm. Privat promesis ĉeesti tiun Kongreson kaj paroli en granda publika kunvenejo. Ĉiuj komunikoj pri la Kongreso estu adresitaj al S-ino E. R. Edmonds, 19, Dellcott Road, Welwyn Garden City.

**La 1a** (postmilita) **Ĉeĥoslovaka kongreso** okazos la 10—11 junio 1922 en Brno, ĉefurbo de Moravio. Laboraj kunsidoj. Amuza vespero. Kunveno de Delegitoj el Ĉeĥoslovakio. Aliĝojn al Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Praha-VII-333 aŭ Ligo de germanaj Esperanto-Societoj (Inĝ. G. Scholze), Reichenberg, Clothildenstr. 5.

# TRA LA FAKOJ

### Instruistoj

*Ekspozicio de lerneja materialo en Antwerpen* (Belgujo). — La Urbestraro de Antwerpen decidis organizi baldaŭ ekspozicion de lerneja materialo. Ĉiuj Esperantaj Instruistoj aŭ aliaj fakuloj estas insiste petataj, havigi al la Delegito de UEA, S-ro Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen, ĉiujn utilajn aŭ interesajn informojn (fotografaĵojn, desegnaĵojn, katalogojn aŭ adresojn de fakanoj k. t. p.)

### Tramistoj

kiuj povas sciigi nin pri Esperanto-movado ĉe la *tramistoj*, tiuj bonvolu skribi detalaĵojn al supera revidento Rudolf Michael Frey, Esperanto-instruanto ĉe la tramistoj en Wien, XVIII., Gersthof, Bastiengasse 36. Ni volas ekzistigi E-movadon ĉe la tramistoj de la tuta mondo kaj publikigos poste raportojn. Ni ankaŭ kolektas adresojn por la estonta Esperantista tutmonda tramista adresaro.

### Bontemplanoj kaj abstinenculoj

kiuj deziras, ke oni aranĝu specialan kunvenon de abstinenculoj dum la XIVa kongreso de Esperanto en Helsinki (Finnlando) estas kore petataj eldiri sian opinion al Bontemplana Loĝio de Laihia, *Abstinencaj kavaliroj*, sub adreso Laihia, Finnlando.

### Kuracistoj

La TEKA estis restarigita en Praha dum la XIIIa Kongreso. Ĝi nun rekomencas sian laboron kaj afable turnas sin nun kun peto al ĉiuj kuracistoj-esperantistoj aŭ esperantemaj, ke ili bonvolu tuj enskribiĝi en la TEKA'n. Akceptas aliĝojn: 1. D-ro Bischitzky, Praha, str. Mikulášská 12; 2. D-ro Briquet, Lille, str. de la Bassée 31, Francujo; 3. D-ro Austerlitz, Bardiov, Ĉeĥoslovakujo; 4. D-ro Döhler, Riesa a. Elbe, Goethestr. 55, Germanujo; 5. D-ro Robin, Varsovio, str. Marszalkowska 113, Polujo; kaj ĉiuj landaj konsuloj.

Kolegoj! De la nombro de anoj dependas do la momento de la eldono de la Scienca Revuo kun TEKA-komunikoj. Ni kune bezonas proksimume 600—800 anojn kaj la trionon ni jam havas.

La konsulojn de TEKA la C. K. afable petas tuj verki nacilingvajn alvokojn, fari paroladojn, trovi eminentulojn, monoferojn k. t. p. Elspezojn la konsuloj bonvolu noti kaj poste reteni el la kotizaĵoj de varbotaj anoj.

Kotizaĵoj por apartaj landoj estas difinitaj en Praha, ekz. por francoj 5 frankoj, por germanoj 20 markoj k. t. p. Sed mia persona opinio estas, ke pli oportune estus nun fiksi *unu kotizaĵon* (minimuman), ekz. *10 francajn frankojn*; aliaj landoj enpagu ekvivalenton de 10 francaj frankoj en sia mono laŭ la taga kurzo. Tio faciligus la budĝeton kaj kalkulon. Kompreneble la TEKA danke akceptos pli, kiel monoferon. Por la 10 fr. frankoj ĉiu TEKA-ano fariĝos samtempe ano de TEKA kaj de Sc. Asocio por 1922, ricevos la Sciencan Revuon kaj, se ĝi aperos, ankaŭ la eldonotan de la TEKA fakan organon. La monon ĉiu bonvolu sendi ankaŭ al la supraj adresoj. En la nomo de Centra Komitato de TEKA:

D-ro *W. Robin* (Gvidanto de Centra Oficejo de TEKA.), Marszalkowska 113, Warszawa.

## Esperanto kaj Adreslibroj

Volonte ni sekvas la peton de S-ro Ploussu, Del. en Grenoble, rememorigi niajn membrojn pri la utileco de la adreslibroj por konatigi la movadon. „Ĉar en ĉiuj gravaj urboj“, skribas S-ro Ploussu, „ekzistas adreslibroj, eĉ kiuj kelkaj rilatas al tuta departemento aŭ regiono, ĉar en tiujn tre esploratajn librojn oni povas kutime enskribi senpage la adresojn de la societoj, estus dezirinde ke ĉiuj Delegitoj tion profitu por UEA kaj por aliaj esper. societoj. Tiuj adresoj povas kelkfoje utili al trapasantaj samideanoj, sed precipe ili estos konstanta reklamo al la publiko, al la komercvojaĝistoj kaj al la ĉiuspecaj aferistoj, kiuj en tiuj libroj serĉas liverantojn aŭ klientojn“.

Rekomendante tiun simplan, ofte ne sekvatan procedon, ni atentigas ke samajn okazojn ankaŭ havigas la adresaroj telefonaj, poŝtĉekaj, k. t. p. En landoj, kie senpage aŭ malaltpreze la sama telefona numero povas esti konatigata en la libro sub diversaj nomoj, iu Samideano presigu sian numeron, krom sub sia nomo, ankaŭ sub: Esperanto, Universala Asocio, aŭ io simila. Tiel fremdulo povos facile informiĝi pri esperantistaj aferoj, kaj la publiko vidos la modernecon de UEA. — Kompreneble, kiu konatigas adreson, ankaŭ ŝanĝigu ĝin kiam necese. Nenio estas pli teda ol malnoviĝintaj indikoj. Bonvolu do ekzameni baldaŭ vian adreslibron, ĉu via nomo kiel Delegito aŭ via grupo troviĝas en ĝi korekte.

Ankaŭ utile estas kontroli kion diras la enciklopedioj pri mondlingvo aŭ pri Esperanto. Eĉ multvolumaj verkoj dediĉas nur kelkajn linietojn al nia lingvo, silentante pri la literaturo, la organizo la kongresoj, k. t. p., aŭ ili montras la aferon kvazaŭ nura provo aŭ fantaziaĵo. Kaj en kiom da listoj da eminentaj homoj ne troviĝas la nomo de Zamenhof! Ni ne dubas ke la naciaj societoj volonte akceptos informojn pri tiaj mankoj, kaj poste petos oficiale la eldonistojn de enciklopedioj ke ili plibonigu sian tekston. *E. S.*

## La nomoj de niaj grupoj

Vere interese estas ekzameni la diversajn nomojn de la esperantaj grupoj. Se la plej multaj nomiĝas laŭ la urbo, kie ili fondiĝis, multaj aliaj alprenis kromnomojn, precipe kie pluraj grupoj ekzistas.

Multaj aludis nian insignon: „Stelo“, „Verda Stelo“, „Lumradio“, „Verda Lumo“, aliaj aludante nian himnon aŭ „La Vojo“, nomiĝis: „Nova Sento“, „Espero“, „Semo“, „Antaŭen“.

Kvazaŭ kuraĝigantaj krioj al konstanta laboro grupoj nomiĝis: „Ĉiam Supren!“, „Antaŭen kun kredo!“, „La Venko estos nia!“, „Fine ĝi venkos!“, „Obstine antaŭen!“, „Ĉiam antaŭen!“, „Lumon!“, kaj eĉ... „Neniam malantaŭen!“.

Aliaj kvazaŭ admonas al „Fideleco“, „Progreso“, „Frateco“, „Amikeco“, „Paco kaj Amo“, „Kulturo kaj Libereco“, aŭ rememoras konatajn dirojn: „Komprenado faras Pacon“, „Unueco estas Forteco“, „Per Esperanto al Unueco“.

La grupoj havas karakteron kvazaŭ individuoj: iuj estas modestaj: „Rondeto“, „Grajneto“, „Inter ni“; aliaj fieras pri sia malnoveco: „Unua grupo esperantista“, „Esperanta grupo de 1912“, „Pionira grupo“. Kelkaj aludas je siaj membroj: „Laborista Grupo“, „Merkurio“, „La Metiisto“, „Juneco“, „Tramista Grupo“: kelkaj rememorigas lokajn famulojn aŭ konatajn mondlingvanojn: „Zamenhof“, „Leibniz“, „Amerigo Vespucci“, „Stanislav Schulhof“, „Kabea Grupo“,[1] aliaj aludas je geografio: „Danubo“, „Jadegolfo“, „Izermontaro“, „Lemana Stelo“, „Alpa Stelo“, „La Polusstelo“, „La Twenta Stelo“, „Bizanco“, „Pirenea Stelo“, „Nigra Cigno“, „L'Oriento“.

Aliaj nomoj estas strangaj aŭ enigmaj por la eksterlandaj samideanoj: „Flehito“?, „Gradata“ (ĉu gradiga studo de Esperanto?) „Eoro“, „Al ci“ (ĉu traduko de portrinka bondeziro?), „Aplech“, „Plaŭena fundo“ (ĉi tiuj du lastaj ŝajnas koncerni landparton).

Sed la plej brila kaj elvokanta, plej bilda grupnomo estas certe tiu de ĉina rondo, kiu nomiĝas: „Kokokrio en la mallumo!“

[1]) Nia oficejo jam konstatis, laŭ leteroj aŭ diroj de samideanoj, ke multaj esp-istoj opinias, ke Kabe (pseŭdonimo de Kasimir Bein) mortis dum la milito. Nia talenta tradukisto de la Faraono feliĉe ankoraŭ vivas, sole lia foresto de la nuntempa movado kredigis, ke li malaperis.

## Esperantista Parolejo

**Oni laŭdas!**

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

S-ro *Harrison Hill* en London kore dankas F-inon M. Rousset, D. en Avignon, kaj S-ron Cresp, D. en Cannes, pro ilia afabla akcepto kaj gvidado.

S-ro *D. F. Romein* en Drumpt a. Tiel (Nederlando) tutkore dankas S-ron Francesco Pizzi, Del. en Venezia, pro havigitaj informoj pri vojaĝo Oriento-Eŭropon.

S-ro *J. M. Bakalář-Srbecký* en Valčice (Ĉeĥ.) dankas al „Progreso“, pro ĝia helpo.

S-ro *J. M. de Villa*, VD. en Habana, Cuba, kaj lia edzino, dankas kore pro gravaj servoj aŭ ĝentilaĵoj dum ilia vojaĝo tra Eŭropo jenajn samideanojn: *Hannover:* S-ro Stümke. *Köln:* S-roj Junker, D. kaj Wilbert, VD., Hurl. *Antwerpen:* S-ro Schoofs, D. *Würzburg:* S-roj Rippel, D. kaj Winter. *Nürnberg:* D-roj Orthal, D. kaj Ledermann, VD., Fuchs kaj pastro Stahl. *Stuttgart:* Profesoro Christaller, S-roj Hofmann, VD. kaj Böning, D-ro Vogt. *Innsbruck:* S-ro Bederlunger, D. kaj F-ino Bauer.

## Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Jakobo Ŝapiro,* Delegito de UEA. en Bialystok, naskiĝis filo, nomita Arturo.

Al Ges-roj *L. Altman,* Tallinn, naskiĝis filino nomita Ajno.

**Edziĝoj.** — S-ro *Herman Katz,* el Lodz kun F-ino *Marja Karo.*

S-ro *Ernst Seim* kun F-ino *Olga v. Masjukewitsch* en Tallinn.

S-ro *Vasil S. Baĉvarov* kun F-ino *Katinka V. Naumova* en Varna.

## Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ino **Georges Buisson** en St. Mandé.

**Lilia Clédes,** 17-jara samideanino, esperantistino jam de 3 jaroj, mortis en Bahia Blanca (Argentino).

**F. Doré,** malnova samideano prezidanto de la grupo de Troyes mortis akcidente la 7an de februaro.

**Arthur James Morgan,** Delegito en Coventry.

S-ino **Kina V. Tabakova,** edzino de la prezidanto de la Grupo de Gabrovo (Bulg.), S-ro Vasil K. Tabakov.

**Octavio de Azevedo Macedo,** membro de UEA. kaj 1-a kasisto de „Brazila Klubo Esperanto“.

**S-ino Sébert,** edzino de generalo Sébert, mortis en Parizo post grava malsano. Multaj samideanoj rememoras pri ŝia partopreno en niaj kongresoj. En la tuta mondo la esperantistaro aŭdos kun ĉagreno pri la doloriga funebro de nia respektata amiko generalo Sébert kaj tutkore simpatios kun li. Ni esprimas al li nian sinceran senton de simpatio en la nomo de UEA.

☛ **Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto Asocio ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 500, 1500, 4000;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 30, 80, 180;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 100, 300, 600;* **Jugoslavio:** *Din. 25, 65, 140;* **Italio:** *L. 14, 35, 70;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Portugalio:** *Esk. 8, 20, 40;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 300; Hungario: Kr. 50; Polio: Mk. 300. Ili ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310.*

---

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtajoj dum februaro 1922. Ricevitaj: 1008. Forsenditaj: 1260. Entute: 3268. (Antaŭa monato: 2883.)

**Kotizoj por 1922.** — Je la 28a de februaro 1922 estis enkasigitaj 23 kotizoj de helpmembroj, 758 de membroj, 2395 de membro-abonantoj kaj 83 de subtenantoj. Entute: 3259. Entreprenoj: 53.

### Subtenantoj.

*Kvara listo.*

58. Dr. Madinier, Lyon; 59. J. Hill, Birmingham; 60. W. H. Sturge, Birmingham; 61. J. Isbrücker, den Haag; 62. P. Rian, Levanger; 63. F. Alegret, Baez; 64. P. Marly, Bordeaux; 65. E. Southwick, Pawtucket; 66. V Stepanov, Moskva; 67. O. Ihrborn. Västerås; 68. J. Atchinson, Edinburgh; 69. M. Momertz, M. Gladbach; 70. Helsing, Gävle; 71. Ahlin, Dalakvarn; 72. L. Silcox, Bath; 73. A. Christen, New York; 74. D-ro Silbernik, New York; 75. F. Isella, Lugano; 76. F. Lockyer, Liverpool; 77. E. Mawbey, Johanesburg; 78. Zoffmann, Kolding; 79. D-ro Stamatiadis, Konstantinoplo; 80. Perriard, Bern; 81. Pratt, Grange-over-Sands; 82. Serra, Liria; 83. J. Reynier, Lyon.

### Delegitoj.

Pro la baldaŭa apero de nia Jarlibro ni ricevis multajn ŝanĝojn en nia listo de Delegitoj. Ni citas nur la plej gravajn. La aliaj troviĝos en la adresaro de la delegitoj en la Jarlibro.

**Novaj Delegitoj** estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Arad* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro J. Csukor, oficisto, Andrassy ter 3.

*Arles* (Francio, B. d. R.). — D.: S-ro H. Bourdelon, instruisto, 21, bd. de Craponne.

*Blois* (Francio, Loir et Cher). — D.: S-ino M. Etienne, r. du Bourg-Neuf.

*Brandenburg* (Germanio, Havel). — D.: S-ro P. Fehlow, Werderstr. 7.

*Bucureşti* (Rumanio). — D.: S-ro I. Giuglea, redaktoro, strada Carel Davila 85.

*Franzensbad* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: D-ro A. Pohorecký, kuracisto Kurhaus „Sevilla".

*Göttingen* (Germanio, Hannover). — D.: D-ro Hans Steinberg, Herzberger Chaussee 32.

*Murcia* (Hispanio). — D.: S-ro Ricardo Codorniu, Malecon, letra C.

*Novi Pazar* (Jugoslavio). — D.: S-ro Petro Stojan, gimnazia instruisto

*Sta Cruz de Tenerife* (Kanariaj Insuloj), — D.: S-ro Heriberto Diaz Lopez, calle La Rosa 21.

*Vincennes* (Francio, Seine). — D.: S-ro Louis Cozic, inĝeniero, 114, av. de Paris.

*Zemun* (Jugoslavio, Slavonio). — D.: S-ro Paja Stanišić, advokato, Dobanovaĉka 28.

**Ŝanĝoj.**

*Bristol* (Anglio). — D.: S-ro Harold Darch, ĥemiisto, The Retreat Dawnend.

*Cluj* (Rumanio, Transilvanio). — D.: D-ro M. L. Campian, advokato, Strada Motilor 4.

*Lugano* (Svisio, Tiĉino). — D.: S-ro Firmino G. Isella, komercisto, via Canova 15.

*Pardubice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro L. Daniel, Hronovická 640.

*Perpignan* (Francio, P. O.), — D.: S-ro R. Goudin, route de Thuir.

*Salzburg* (Aŭstrio). — D.: F-ino Rosa Föttinger, Hotel Birne.

*Stuttgart* (Germanio). — D.: S-ro D-ro A. Vogt, Weissenburgstr. 2b

*Timiŝoara* (Rumanio. Banat). — D.: S-ro Alfred Bambach, juĝa oficisto, Strada Romulus 12.

*Villach* (Aŭstrio, Kärnten). — D.: S-ro Heinrich Rausbach, Tirolerstr. 25.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Brest* (Francio); *Le Havre* (Francio); *Osaka* (Japanio); *Rabat* (Maroko); *Tabriz* (Persio) *Tunis* (Tunizio).

---

# SVISA ESPERANTA SOCIETO

*Oficiala komuniko*

La Centra Komitato de la S. E. S. estis jene elektita: P: S-ro D-ro Edmond Privat, Chemin de Roches 2; VP: S-roj Henri Dubois, rue de la Servette 38 kaj Rodolphe Horner, rue Cavour 7; S: F-ino Alice Diekmann, rue de Lyon 66; K: F-ino Yvonne Bouvier, Bd. des Tranchées 14; Komitatanoj: S-ino N. Umanski, rue Caroline 4, S-ro J. M. Arago, Bd. de la Cluse 23.

Ĉiuj loĝas en Genève kies grupo „Stelo" fariĝis direktanta grupo laŭ la statutoj kaj la lasta ĝenerala kunveno de S. E. S.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.
Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

La Turo ludas.

**Problemo N-ro 30.**
*H. T. Bailey*, London.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 31.**
*Bodo v. Dehn*, Riga.
(Rigasche Rdsch. 1913.)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 32.**
D-ro *N. Höeg*, Köbenhavn.
(D. Wochenschach 1908.)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 33.**
*L. Wiegand*, Karlshorst.
(Rigasche Rdsch. 1908.)



Blanko matas per la 4-a movo.

**N-ro 30** havas en la programo la *multoblan oferdonon* de la figuro.

**N-ro 31** prezentas simple la *entiron en la matreton.*

**N-ro 32** prezentas bonan blokadon. Per eluzo de la *nesufiĉa movadpovo (tempomanko)* Blanko devigas la nigran Reĝon okupi malfavoran kampon por ĝin tie mati.

**N-ro 33** enhavas tre simplan dumovan ideon kun interrompita vojo al la Kuriero. La ideo estas plivastigita al kvarmovulo per antaŭmeto de du preparmovoj. La vico da Peonoj servas kiel ŝtuparo al la nigra Reĝo.

*Solvoj de la problemoj.*

**N-ro 26.** 1. Ĉe5—d7 k. t. p.
**N-ro 27.** 1. Rf8—g8, Rc3—d4, 2. Tb2—d2+ k. t. p.
1. . . . . ., Rc3—d3, 2. Db8—f4 k. t. p.
1. . . . . ., d5—d4, 2. Db8—b7 k. t. p.
**N-ro 28.** 1. Dg2—g7 k. t. p.
**N-ro 29.** 1. Tf6—h6 k. t. p.

**Ludo N-ro 3.** *per Ĉevalo de Philidor.*

Ludita blindmaniere de Blanko en Barcelona 1896.

Blanko: Dro. Tolosay Carreras. Nigro: Mascaro.

1. e2—e4 e7—e5
2. Ĉg1—f3 d7—d6
3. d2—d4 f7—f5
4. Kf1—c4 f5×e4
5. Ĉf3×e5 d6—d5?
6. Dd1—h5+ Re8—e7

Post tiu ĉi movo Blanko anoncas la maton per la kvina movo.

7. Dh5—f7+ Re7—d6
8. Df7×d5+ Rd6—e7
9. Ĉe5—g6+ h7×g6
10. Dd5—e5+ Kc8—e6
11. De5×e6 mato.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la probl. n-ro 20, 21:*
M. Esteban, Madrid (Hisp.); O. Ganster, Salzburg (Aŭstr.); S. Deakin, Liverpool (Angl.); *probl. 22, 23, 25:* H. T. Bailey, London (Angl.); 21, 22, 25: G. Altenstadt, Szeged (Hung.).

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita N-ro. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1.50 Fr.; *Britlando* 7 1/2 d.; *Bulgario* 10 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 5 Kr.; *Finnlando* 4 F. M.; *Francio* 1.50 Fr.; *Germanio* 5 Mk.; *Hispanio* 1 P.; *Hungario* 30 Kr.; *Italio* 2 L.; *Jugoslavio* 10 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 100 M.; *Skandinavio* 1 Kr.; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*.

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Wien,** 13/4. — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PM. PK. Esp. Gaz. ne respondas senvalorajn PM. Vidu rubrikon „Petoj kaj proponoj".

### Britio

**London S. E. 6.** — S-ro T. Glover 5, Vancouver Road, L, PI, k. ĉ. l.

### Bulgario

**Kozlodui.** — S-ro Kiril A. Knerov, pentristo, PI, L, k. ĉ. l. pentristoj, PI., interŝanĝas fotografaĵojn kaj pentraĵojn.

**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bergreichenstein.** — S-ro Heide Erich, studento, Konvikt, PI, PM, k. ĉ. l.

**Brno.** — S-ro F. Medek, Česká ul. 6. PM k. ĉ. l., PI kun ekstereŭropanoj.

**Bystřice p. Host.** — S-ro Aleš Klabačka, poŝtestro, PI, PM, L.

**Hrušov** (Silezio). — S-ro Josef Žižka, Nádražní 47. L, PI, bfl.

**Písek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.

**Poprad—Velka,** Slovakio, Ges-oj Eichmüller, Elizabetstr. 1., L. (pri naciaj manĝaĵoj kaj kuiraĵoj).

**Praha.** — S-ro Inĝ. B. Molnár, poŝtfako 214, L (pri okultismo).

**Reichenberg.** — S-ro Johann Schier, Sorgegasse 74, PI, k. ĉ. l.

**Slaná, p. Podmoklice.** — S-ro Wilhelm Schier, PI, L, PM, k. ĉ. l.

**Žebrák u Hořovic.** — S-ro Müller Oldřich, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Estlando

**Haapsalu.** — S-ro Johannes Tamverk, Karja t. 5, PI, PM.

**Tarto.** — S-ro Alfred Sowver, PI kun ekstereŭropo. Eŭropo: nur popola kostumoj.

**Tarto.** — S-ino Meta Busch, Elisabeti-tän., N-ro 17; L, PI, bfl., k. ĉ l. (krom Germanio kaj Ĉeĥoslovakio).

### Finnlando

**Hamina.** — S-ro V. Puumalainen 2. W. R. nur PM k. ĉ. l. krom Germ., Ĉeĥosl. Nur sendifektaj. Ne sendas unue.

**Helsinki.** — F-ino Anna Kaskela, Fredrikinkatu 43, D. 19. PI, L.

**Kauhava.** — S-ro S. M. Sippola Pernaa, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.

**Mikkeli.** — F-ino Elli Piispanen „Mikkelin Sanomat" PI, bfl, k. ĉ. l.

**Mikkeli.** — F-ino Jenny Luukkonen „Vapaus" PI, bfl, k. ĉ. l.

**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.

### Francio

**Cholet** (M. & L.). — S-ro Marcel Guilloux, PI, PM, k. ĉ. l.

**Morteau** (Doubs). — S-ro Félix Audot, bankoficisto, PM, PI, k. ĉ. l.

**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM, k. ĉ. l.

### Germanio.

**Helmstedt.** — S-ro Erich Lüer, Henkestr. 36. PI, nur popoltipoj, multkoloraj.

**Magdeburg.** — S-ro Richard Unverzagt, Grosse Diesdorferstr. 243., PI, PM.

**Zittaŭ** (Sachsen). — S-ro Antonio Ehm, komercisto, Oijbinerstr. 9. PI, bfl, L, PM, esp. gaz. k. ĉ. l. precipe k. mezmarlandoj.

### Hispanio

**Santander.** — S-ro José E. Pedraz, str. Rua Menor 32. Renovigas korespondadon kun malnovaj korespondantoj.

### Hungario.

**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).

### Italio

**Lampedusa (Girgenti).** — S-ro O. Di Maggio, PI de famaj homoj en ĉiuj branĉoj de aktiveco kaj ideoj.

**Trieste.** — S-ino Margherita Vitoppi, via Luigi Ricci 10, PI, k. ĉ. l.

### Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zijver, P. O. B. 1055, PK, PM (escepte Ĉeĥoslovakio).
**Culemborg.** — S-ino N. Bonhof — v. d. Geer, PI, k. ĉ. l.
**Helmond.** — Prof. J. E. Mulder, Mierlosche Weg 24, PM, laŭ mankolisto kun seriozaj kolektantoj.

### Pollando

**Bialystok.** — A. Ajzenszmidt; Fabryczna 19, PM, papermono (interŝ., vend.).
**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynka Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Bialystok.** — S-ro S. Ripp, Fabryczna 5, interŝ., vendas pm., papermonon.
**Częstochowa-Raków.** — S-ro Jozef Tadeusz Stryjewski PM, k. ĉ. l. (kun spertaj kaj seriozaj filatelistoj).
**Jaslo.** — S-ro Salo Kornfeld, PM (PI, L, nur kun fraŭlinoj).
**Nowy Sącz.** — F-ino Helena Misiewicz, Wólki, Villa „Helena", PI, L, k. ĉ. l.
**Stryj.** — S-ro Artur Resport, Wyspiańskiego 3. PI, bfl. (skarabojn, papiliojn precipe ekstereŭropajn).

### Portugalio

**Lisboa.** — S-ro Albino Costa, meblisto, calle João do Outeiro 16-3. PI, esp. gaz. sigelmarkoj.

### Ruslando

**Arkadak** (Saratovsk. gub.) — S-ro J. Grafov, telegrafisto gubernejo, L, (sociaj kaj ekonomiaj demandoj).
**Astraĥan.** — S-ro Bazil Averin, 6 m. 3 Bakalda N. 30, PI, L, PM, esp. gaz. k. ĉ. l.
**Kazanj.** — F-ino Augustina Frejberg, Poĉtamt (22 jara) poŝtoficistino, PI, L, (precipe kun Svisio).
**Krasnodar** (Kaŭkazo). — S-ro Andre Punjko, ulica Paŝkovskaja 143 (deziras esp. gazetojn).
**Moskva.** — S-ro G. Demidjuk Sadovaja-Triumfalnaja 11 lĝ. 5. PI, L (deziras rekomenci korespondadon kun malnovaj amikoj).
**Orel.** — S-ro Vs. Basov, 2a Posadskaja 19/2. (pri infana psikologio, eksperimenta pedagogio, psikotekniko. Interŝanĝas tiutemajn librojn, gazetojn).

### Svedio

**Falun.** — S-ro Gustav ohansson, Slussen 10, (kun bontemplanoj kaj aliaj abstinenculoj ĉl.).
**Falun.** — S-ro Einar Dahl, gimnaziano, Nybrogatan 14, PI, L. k. ĉ. l.
**Huskvarna.** — S-ro Einar Adamson, ĵurnalisto, PI, L (por siaj kursanoj), gaz.
**Torskors.** — S-ro Fritiof Ahnfeldt, instruisto, Inglatorp. PM, PI, bfl, (vidindaĵo el popola vivo aŭ vidaĵo) k. ĉ. l.

### Svislando

**Lugano-Paradiso.** — F-ino Aurelia Cappello, PI (naciaj kostumoj, vidaĵoj, katedraloj).
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj k. t. p.).

### Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Vincento Orlando, PM (leteroj nur kun fraŭlinoj).
**Moundsville**, W. Va (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave, kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM. k. ĉ. l. prefere kun malnovaj filatelistoj. Ne sendos unue.
**Necochea B. A**, (Argentino). — S-ro E. Vitienes, nur PK k. ĉ. l. pri ĉiuj temoj.
**Panama** (Canal Zone). — S-ro E. A. Young, 30, L (pri agnostikismo, terkulturo, laktfarmado). Rifuzos PI, PM, monerojn k. t. p.

### Aŭstralio

**Sydney** (Aŭstralio). — F-ino Minnie Freely, „Canberra" Rocky Pt. Road, Kograk, PI, L, k. ĉ. l.

### Azio

**Kioto** (Japanio). — S-ro Kacuzo Okumura, Dai 3 Kotogakko, literatura studento, L, PI.
**Kioto** (Japanio). — S-ro Teiichi Fujibayashi, 33, Tanaka-Sekiden, PI, L.
**Okayama** (Japanio). — S-ro Ichiro Aoki, ĉe Sozan-ryo, Kadotayashiki 110, PI.
**Tchita** (Siberio). — S-ro P. Astafiev, literaturisto, Poŝtkesto 36, L, PI, k. ĉ. l. (esperantaj, socialaj temoj). PM rifuzotaj.

## JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Huddersfield** (Anglujo). — F-ino Morton, Mount Pleasant, Dalton, deziras korespondantojn el ĉiuj landoj por siaj kursanoj (knaboj de 10 ĝis 13 jaroj en taga lernejo).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 4 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 8 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Amikaĵon!** — Kie estas helpanto kiu kunvenigos min al la 14a kongreso en Helsinki. Mi estas 20 jara, profesio: Komercisto. Proponojn sendu al Bruno Beckmann, Dresden A. 19. Schandaŭerstr. 12, Germanio.

**Atentigo.** — S-ro Bouvier, Del. de U. E. A. Genève rekomendas ne respondi al la anonco de S-ro L. Bouzac en Biarritz, kiu sendis nenion kontraŭ la sendita mono kaj ne respondis je liaj plendoj.

**Aŭstriajn poŝtmarkojn!** Ĉu vi jam ĉiujn posedas? Ne? tiam skribu al la suba adreso! Mi liveras ĉiujn aŭstriajn poŝtmarkojn pli malkare ol ĉiu! Generale nur 50% de la katalogprezoj de Michl aŭ Yvert kaj Tellier. Kontraŭ referencoj mi ankaŭ sendas belajn elektaĵojn de aŭstriaj kaj aliilandaj poŝtmarkoj. Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj.

**Ekspozicio** aranĝota en majo. Sendu ĉiuj al ni diversajn gazetojn, propagandilojn, PI k. t. p. Adreso: Vladimir Georgiev, Skobeleva 38, Rusĉuk, Bulgario.

**„Esperanto".** — S-ro Ploussu, 4, place J. Achard, Grenoble (Francujo) pagos, eĉ kare, la n-ron 182. okt. 1915 al kiu sendos ĝin al li.

**Filatelistoj atentu!** — Mi aĉetas ĉiulandajn poŝtmarkojn. Mi vendas, interŝanĝas bulgarajn poŝtmarkojn plej malkare. Boris Nedev, ul. Car Osvoboditel, 816, Choumen, Bulgario.

**Filatelistoj**, kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébet-körut. 16.

**Filatelisto!** — 200 bonegajn malsamajn PM kun 3000 aliaj diversaj mi sendas kontraŭ 10 francaj frankoj. Brienne, 10, rue Belzunce Paris.

**Filatelistoj atentu!** — S-ro Miĥail Milĉev, del. UEA (apoteko S. Menaĥemov) Varna (Bulgario), vendas serion de Bourchier (Baŭĉer) rememoraj markoj por 2·50 fr. frankoj, pli ol kvin serioj po 1·80 fr.; vendas ankaŭ pogrande kaj detale aliajn bulgarajn markojn je tre favoraj prezoj. Postulu prezojn, indikante numerojn laŭ Yvert aŭ Michel 1922. Korespondas esperante, france kaj germane.

**„Homara Interkonsento"** serĉas kontraŭnaciemajn, liberpensajn korespondantojn. Skribu al S-ro K. Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O 17 (Germanio).

**Junaj** anglaj geedzoj deziras korespondi kun similaj samideanoj alilandaj kaj interŝanĝi poŝtkartojn, fotografaĵojn k. t. p. S-ro W. R. Wood, 2 Upton Vale Terrace, Torquay, Anglujo.

**Kiu** sendas 200 nedifektitajn ordinarajn PM ricevos la samvaloran kvanton antikvajn aŭstriajn kaj hungarajn PM. Mi preferas ekstereŭrop. Sendu unue. Hahn, Wien IV. Argentin. 53. Aŭstrio.

**Komercaj sciencoj.** Francajn samideanojn mi petas sendi al mi indikojn (katalogojn) koncerne al la francligvaj libroj pri komercaj sciencoj (po itika ekonomio, bankaferoj, librotenado k. t. p.), precipe enciklopedioj kaj lernolibroj. Repago per mono aŭ esp. libroj. Skribu al Rud. Hromada, Praha-VII., Sochařská 333.

**Korespondado.** — Mi serĉas fervoran korespondadon pri politiko, arto, k. t. p. kaj seriozan interŝanĝadon de PM. Ĉefredaktoro Werner Kahle, Götherstr. 9, Eisenach, Germanio.

**Novajn aŭstriajn poŝtmarkojn** liveras por la nominala sumo kaj 20% plialtiĝo en ĉiu nombro al ĉiu samideano Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Pastro** L. W. Cronkhite post kvardekjara laboro, eksiĝos sian misian laborkampon en Bassein, Birmanio, komence de aprilo por reiri al sia usona hejmo. Nova adreso: Greenwich N. Y. USA, kie li alvenos ĉirkaŭ la 1an de junio. Li speciale bonvenigos leterojn kaj PI montrantaj infanojn. Responde li sendos L kaj PI de Birmanio kaj Hindio.

**Raviga** teatroludaĵo el Fabellando kun majskaraboj, fungoj, pigmeoj, papilioj. Ludebla tuj ĉie, ĉar sen vortoj! Esp-a manuskripto kun muziknotoj sendata kontraŭ 6 svis. frankoj (aŭ samvaloro). Józef Orzech, Inowroclaw en Pollo, gimnazio.

**Rusoj Atentu!** — S-ro Hearly Sykes, 88, Lowerhouses, Huddersfield, Anglio, deziras informon pri sia korespondanto (19-jara en 1914) Vasilij Ivanovich Kopilov, Vjazniki, Vladimirskaja gub., Kaznaĉejstvo.

**Se vi deziras** korespondi k. ĉ. l. per interesaj L kaj PI aŭ profite interŝanĝi PM, PI, papermonon, gazeton k. t. p. aliĝu tuj al Internacia Klubo „Oriento". Kotizoj: 5 fr. fr., 5 pes., 3 sv. fr., 2 ŝil., 1 dol., 7 lir, 20 ĉeĥ. kr., 20 g. mk. Gvidanto: W. Kwiecinski, skrzynka poczt. n-ro 110, Wilno (Polio).

**Ŝako.** — Mi deziras ŝakludi kun esp. ekstereŭropaj. Tiu kiu skribos rajtos elekti la koloron. Sture Cronquist Kloesgat. 12/I. Malmö, Svedio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** sama kiel »Petoj kaj Proponoj«.

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Brodaĵoj.** — Kiu sendos al mi 10 stampitajn respondkuponojn ricevos en rekomendita letero Esperanto-Brodaĵon N-ro B, belege manfaritan kun surskribo »Esperanto« verdstelo, ĉina traduko 15:20 cm., taŭga por enkadrigi. G. S. Gee, Haiyen, via Shanghai, Ĉinio.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Hispanio.** — S-ro Gaudencio Vazquez, calle Jaime Vera 26, Nerva deziras korespondi kun gravaj komercistoj el ĉiuj landoj kiuj deziras eksporti komercaĵojn al Hispanio.

**Kuba.** — Eksporto kaj importo de komercaĵoj: S-ro Fructuoso Fernández, komercisto, 24 de Febrero 15—17, Matanzas (Cuba).

**Maŝinoj.** — Ĉiujn maŝinojn por agrikulturo kaj industrio vendas, aĉetas kaj peras Ferdinand Jochmann, komercisto de maŝinoj Pihl bei Haida (Ĉeĥoslovakio). Peranto de mondfama nordbohema vitroindustrio.

**Negocistoj.** — Lignaj kalkanumoj por virinaj ŝuoj, artaj formoj, pogrande kaj malgrande por ĉiuj landoj. Granda profito. Reprezentantoj serĉataj. P. Bossi, Via Ticino 10, Abbiategrasso (Milano), Italio.

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen (Germanio). Vidu reklamon.

**Plateno-metalon** aĉetas k. vendas (nur programde k. laŭleĝe) Georg Reimann, Möckernstr. 71, r. III, Germanio (helpantoj ĉiulande serĉataj).

**Pri moraleco.** — Aĉetu: „La Principo de la Movado por Ĉasta Vivo", pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunktoj. Tradukis: C. J. Roskes-Dirksen. Prezo: fr. 0,25, afrankite fr. 0,30, rekomend. fr. 0,45. Rabato por kvantoj. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostr. 68. den Haag (Nederlando).

**Spongoj kaj salitaj sardeloj.** Produkto kaj eksporto S-ro Salvatore Di Maggio-Lampedusa (Italujo).

PRESEJO »POLITIKA«, PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.